Ĉefredaktoroj: Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay




Novembro 1932 Aperas monate 11-a numero

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefono 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 1·80, duonjaro: 1·—, unu ekz.: 0·20 USA dolaro, specimeno: 1 resp. kupono**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***



## Kien sendi monon por abono kaj librojn?

**Al niaj reprezentantoj**

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**Aŭstralio** L. E. Thomson, *Pymble N. S. W.* Tallangetta, Church str.

**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.

**Britujo:** Alec Ventura, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.

**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.

**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové.*

**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21.

**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.

**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 11 rue de Sèvres

**Germanujo:** Postĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*

**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a

**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.

**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11.

**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.

**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.

**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99 Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.

**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15

**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578

**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34.

**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Uŝigomeku, Ŝin' Ogaŭamaĉi III.

**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

Por niaj abonantoj en **Germanujo, Latvio kaj Svisujo** ni almetas ĉekenpagilon kun la espero, ke ili uzos tiujn plej baldaŭ. **!**



SERĈAS KORESPONDANTOJN la kursanoj de Ludoviko Totsche (skoltoj, mezlernejanoj, 12—18 jaraj) en ĉiu mondparto. Adresu: Ludoviko Totsche, Vérmező-út 16, III. 24. Budapest, I. Hungario.

**Nia sekva numero aperos la 15-an de decembro**

# MAJSTROADMIRO AŬ IDOLKULTO?

— G. WARINGHIEN —



Mi ne estas la unua, kiu rimarkis, ke al multaj el niaj samideanoj mankas la kritikemo, kaj ke laŭdinda entuziasmo tro ofte kuniĝas kun miriga trokredemo. Unu el la plej favoraj terenoj, sur kiu efikas tiu fanatazio, estas kompreneble la persono mem de L. L. Zamenhof. Le genio de la kreinto de nia lingvo, lia escepta kapablo kunposedi samtempe la forton de teoria simpligo kaj la senton pri realaj ebloj, lia dignoplena sindeteno de ĉiu honoro aŭ profito, la perfekta nobleco de lia vivo — ĉio prezentis plej justajn pravigojn por admiro, eĉ admirego al tiel humane bela figuro. Sed tia admirato ofte riskas fariĝi objekto de vera kulto, fariĝi pura idolo: laŭ maniero, bone konata de ĉiuj religihistoriistoj, la popolo forgesas liajn mankojn, aŭ la trajtojn, kiujn ĝi ne komprenas en lia karaktero, ĝi aldonas al liaj veraj kvalitoj ĉiujn aliajn, kiujn ĝi konsideras havindaj, kaj anstataŭ la viva, ŝanĝema, profunde kortuŝa homo ĝi kreas al si rigidan, malvarman statuon — el pura marmoro, eble, sed nur statuon. Tiun misformadon al la plejrespektato ni komencas observi nun pri la persono de Zamenhof; el diversaj flankoj de la esp-istaro oni provas atribui al li la ideojn, la principojn, kiujn oni mem aprobas; oni tiras lin al si laŭ falsa, eĉ malrespekta maniero. En sovetiaj gazetoj, ekzemple, oni ofte legas pri la marksismaj tendencoj de lia penso, pri la mirinda akordo inter liaj lingvoprincipoj kaj la leninaj teorioj. Nu, la bazo de la marksismo estas la klasbatalo, kaj nenio estis pli fremda kaj pli abomenata por la fondinto de la Homaranismo; la leninismo baziĝas sur la diktatoreco de la minoritoj, kaj male, en ĉiuj siaj agoj kaj skriboj Zamenhof konsideris plej grava la demokratian organizon por la esperantistaro. Oni facile vidas, ke la aludita akordo estis tiom pli mirinda, ke ĝi ekzistis nur en la spirito de la ĵurnalisto.

Sed sur la idea kampo oni povas pli facile reforĝi la realon kaj maltimi la kontraŭbatajn faktojn. Tamen eĉ pri la pli precizaj, pli konkretaj detaloj de la agado oni povas konstati la efikon de la supre denuncita tendenco. Ni esploru ekzemple la demandon pri neologismoj. Kritike ekzamenite, la sinteno de Zamenhof rilate al tiu punkto estas tre klara: li tute ne estis kontraŭa al la enkonduko de novaj vortoj en nian lingvon. Kvankam li zorge avertis kontraŭ perforta evoluigo de Esperanto kaj maloportuna trorapidigo de ĝia vortriĉeco (»ne tro multe, ne tro krude per unu fojo«) — li neniam rifuzis al si novan vorton, kiam la tradukota ideo ĝin postulis, aŭ eĉ simple invitis. Ĉiu el liaj verkoj, de *Hamleto* ĝis la *Fabeloj de Andersen* alportis novan stokon da neologismoj; tiel, ke en 1908 P. Boulet povis publikigi libron kun la titolo »*Du mil novaj vortoj ĉerpitaj el la verkaro de Dro Zamenhof*«. Du mil, vi bone legis, du mil neologismoj preter la Universala Vortaro! Kaj ĉe la dua eldono, kiu okazis ses monatojn poste, Boulet kalkulis jam 2126 novajn vortojn. Kaj la afero daŭris. De tiu dato ĝis nun, oni povas proksimume taksi je du mil aliaj la neologismojn uzitajn de nia majstro. Ili plejparte eniris en la 4 Oficialajn Aldonojn de la Akademio, sed ne ĉiuj. Sufiĉas, ke oni malfermu la Biblion por trovi vortojn, kiel »kultivi, fuli, kolumno, perversa, sedimento, sistro« ktp. kiuj mankas al la *Zamenhof-Radikaro* de Wüster. Foliante, dum tiuj ĉi ferioj, la ĵus aperintan trian volumon de la *Andersen-Fabeloj*, mi notis ĉirkaŭ 21 neologismojn, el kiuj kelkaj forestas eĉ de la *Plena Vortaro*: »marsejlezo (12), angoro (25) kvitit (28), ŝrumpi (35), aŭreolo (48), farbo (46), patriarko (48), genero (49), tino (51), drato (54, 85), aŭtenta (55), strebi (60, 117), kompakta (68), konfirmacio (90), be! (97), paraŝuto (112), klaŭno (119), transponi (120), ŝminko (125), driado (133), maskerado (148)« — mi ne kalkulis »toasto« (126), kiu ŝajnas esti stranga preseraro anstataŭ la Fundamenta »tosto«. Oni devas krome atenti, ke mi ne notis ĉiujn vortojn, kiuj eniris en la trian kaj kvaran Oficialajn Aldonojn, kaj kiuj estis tamen veraj neologismoj je la dato, kiam tiu verko tradukiĝadis, en 1916—17. Oni povas do prave aserti, ke Zamenhof mem estis la plej granda neologisto en nia lingvo kaj ke li enkondukis novajn vortojn ne nur pro kruda neceso, sed ankaŭ pro oportuna mallongigo (kp.: *kalva* = senhara) aŭ pro aparta efekto (*susuri* apud *flustri*, *kultivi* apud *kulturi*).

Nu, tiu tre klara sintenado, tiu sistema taktiko de Zamenhof estas simple ignorata — aŭ eble nesciata — de estintaj kaj nunaj kelkaj konservativuloj. En *Lingva Kritiko* mi antaŭnelonge legis, de konata verkisto, tiun strangan frazon: »En tiuj (t. e. de Zamenhof kaj Kabe) verkoj, la lingvo estas vere vivanta. Kial? Car la verkistoj aŭ tradukantoj uzas vortojn, kiuj estas plene vivaj *pro ĉiama uzado*.« Laŭ la supraj citoj oni povas juĝi, kiel malmulte tiu opinio taŭgas pri Zamenhof. Aliflanke, en flugfolio, malavare dissendita de L. K. ano al ĉiuj siaj kolegoj, okaze de la projekto por la 5a Oficiala Aldono, la subskribinto, pli malpli volonte akceptinte 75 kaj rifuzinte, pro fakeco, 25 el la proponitaj radikoj, aldonas: »Restas el tiel longa listo 118 vortoj facile anstataŭeblaj aŭ per alia radiko el nia nuna trezoro, aŭ per kunmetita vorto trovita aŭ trovota. Ili estas la rezulto de *nura malpacienco*, de *troa ekzakteco*, de *infana vortfabrikemo*, kaj mi intence ilin ne tradukas por al neniu altrudi mian opinion. (Sekvas la listo). Ne aŭskultu tiujn, kiuj krias, ke ili nepre bezonas »nuancojn«. La serĉemo de nuancoj plejofte estas *nura malebleco precizigi ideon*... Ĉu ne ŝajnas al vi la supra listo kvazaŭ *fremdlingva* teksto pli aŭ malpli facile tradukebla en *nian* lingvon? Pripensu ĉu nia Majstro, ĉu Kabe ne estus povinta verki majstrajon malgraŭ malpermeso uzi tiujn »nuancojn«?« Ĉu oni ne kredas, ke temas pri tabelo da fenomenaj vortmonstroj, neniam uzitaj de iom inteligenta homo? Nu, el tiu timiga listo de 118 vortoj, 59 estas uzitaj

# La tranĉilo

— Valentin Katajev —

Iom da dimanĉa promeno en la urba parko — jen la plej brila okazo por rigardi ĝisfunde en la animon de iu.

Paŝka Kokuŝkin komencis sian dimanĉan promenon vespere je la sesa ĉe la »Puraj Lagoj.« Antaŭ ĉio li vizitis la malfermitan pavilonon de l' »Mosel-prom« kaj trinkis botelon da biero. Ĉi tio jam sufiĉe karakterizas lian veran vivpercepton kaj moderecon.

Poste li aĉetis ĉe vendistino litron da bakitaj sunflorsemoj kaj sen troa rapidemo li trapaŝadis la ĉefpromenejon. Dumvoje lin alparolis ciganino.

— Belega sinjorido, permesu, ke mi diru vian estonton el via manplato, la puran veron vi ekscios, mi diros, je kiu vi sopiras, mi diros, kio premas vian koron, mi diros ĉion, mi nenion kaŝos sub vualo kaj por tiu ĉi ĝojo vi donos nur dek kopekojn al la maljuna ciganino. Se mi diros al vi la estonton, ĉio estos bona, sed se mi ne diros, vi pripentos.

Paŝka pripensis la aferon kaj diris:

— La aŭgurado estas sensencaĵo kaj superstiĉo, tamen, prenu, jen la mono, profetu, sed ne mensogu!

La ciganino metis la moneron en sian multkoloran kitelon kaj montris siajn nigrajn dentojn.

— Agrabla renkonto vin atendas, belega sinjorido, per la renkonto vian koron atingos ĉagreno, maljunulo baros vian vojon, sed ne timu, belega sinjorido, timu nur la tranĉilon, per la tranĉilo vin minacas granda malagrablaĵo. Ne timu la amikojn — la malamikojn timu, la verda papago portos feliĉon en vian vivon. Ekiru tute gaje vian vojon!

La ciganino rektigis sian maldiketan korpon kaj majeste forpiedumis, gratante la teron per la brunaj plandoj.

— Amuze mensogas la inaĉo, — diris Paŝka kaj palpebrumis, poste laŭte ekridis kaj daŭrigis sian vojon.

Dumvoje li traĝuis laŭvice ĉiujn ĝojojn, kiujn la vivo por li rezervis: unue li mezuris sian pezon per danca-balanca pesilo — ĝi montris kvar pudojn kaj dekkvin funtojn; post iom da tempo li elprovis sian forton kaj, kun tremantaj de fortostreĉo genuoj, li tiris la vibrantan montrilon ĝis la signo »forta«; poste li iom ankoraŭ promenadis tien-reen, kaj priesploris siajn nervojn per elektro: en la manojn li prenis po unu kuprostangeto kaj en liaj kubutoj tiel pikpikis kaj torporis, kvazaŭ formikoj rampadus en ĝi, liaj artikoj pleniĝis per sodakvo, liaj manplatoj gluiĝis al la kuprostangoj — sed ankaŭ la nervoj pruviĝis fortaj.

Fine, antaŭ kuliso, kiu estis pendigita sur arbo kaj figuris la Kremlon el Moskvo, rigardatan de sur la ŝtonponto, li sidiĝis sur seĝo, krucmetis la piedojn, faris mornan vizaĝon kaj tiel fotografigis sin. Post dek minutoj Paŝka ricevis la bildon ankoraŭ malsekan kaj esploradis ĝin longe, kun granda plezuro; la kvadratumita ĉapo, la konata nazo, la apaĉa ĉemizo kun malfermita kolo, la jako, ĉio ĉi estis tute bona, ĉio plaĉis al li; li kvazaŭ malfacile povis kredi, ke ĝi estas vere li mem kaj krome eĉ tiel mirinde bela.

— Ne malbona, — li diris, bele, ordeme kunrulis la gluiĝeman bildeton en malgrandan volvaĵon kaj iris al la boatponteto.

Por elĉerpi ĉiun eblon de la dimanĉaj plezuroj, li nur devis ankoraŭ kunpreni kaj boatumigi la promenadantajn knabinojn. Sed iel li tamen iris plu kaj haltis ĉe konata budo. Ĉe la malfermegitaj pordoj premiĝis granda homamaso. Metalan tinton oni povis aŭdi kaj laŭtan ridon.

— Kio okazas ĉi tie — demandis Paŝka pigmekreskan ruĝgvardianon, kiu gapadis ĉe la enirejo.

— Oni ĵetas ringojn: finta afero. Kiu trafas, gajnas samovaron.

Paŝka scivole ekrigardis super la kapoj de l' homoj en la budon bele iluminitan per lampoj. La tuta dorsa muro estis tegita per ruĝa ŝtofo. En tri vicoj, unu super la alia, staris tranĉiloj, enbatitaj en stablojn. Inter la tranĉiloj kuŝis allogaj gajnaĵoj. Sur la plej suba breto: skatoloj, dolĉaĵoj, sukerpanoj, sur la meza: vekhorloĝoj, kuiraj vazoj, ĉapoj, kaj sur la plej supra, jam preskaŭ sub la tegmento en la duonlumo, speciale tentaj objektoj: du balalajkoj, samovaro el falsa arĝento, flavaj ŝuoj, itala harmoniko, kukola murhorloĝo kaj gramofono. La ringon oni devis ĵeti sur iun tranĉilon — kaj la gajninto ricevis la apudan objekton. Sed trafi la tranĉilon per la ringo estis preskaŭ neeble: la tranĉiloj estis fleksiĝemaj kaj la ringoj elastaj. Tre interesa ludo.

Paŝka laboris per la kubutoj kaj sukcesis penetri en la budon. Maljuna oĉjo, kun arĝentkadraj okulvitroj sur la nazo, vendadis la ringojn malantaŭ stando, kvardek por dudekkvin kopekoj.

Ekscitita bubo, kun hirtaj haroj, ĵetadis kun sovaĝa rikano la lastajn kvin ringojn. Lia jako flagris,

---

de Zamenhof mem (absolvi, aĝioto, amatoro, anatemo, angoro, aplombo, arkeo, aŭreolo, aŭroro, bankiero, blago, blanketo, blufi, bufro, devii, distribui, drasta, drato, dreni, ekrano, flakono, generi, graki, grego, grunti, imputi, kabineto, kaprioli, kartelo, kaskado, kirurgo, klaŭno, koĉero, kokri, kulmini, magistrato, minus, negacio, orta, perversa, plus, promocii, psiko, renomo, sino, slango, slipo, staplo, strebi, strikta, susuri, suvereno, ŝrumpi, tajdo, taŭzi, torturo, trajno, treti, tribo) kaj 2 de Kabe (persvadi, surfaco)! Tiel, ke por pli ol la duono, la *troa ekzakteco*, la *infana vortfabrikemo*, la *malebleco precizigi ideon* estas rektaj batoj sur la vangoj de Zamenhof kaj Kabe. Jen okazo por ripeti kun nia konservativulo, ke »la plibono estas la malamiko de l' bono«, kaj eĉ aldiri, ke, kiu volas tro pruvi, nenion pruvas.

Nu, estas tempo por rifuzi tiujn neobjektivajn provojn pri la envicigado de Zamenhof en tiun aŭ alian partion, tute ne konsiderante, kia efektive li estis. Hontigu nin la bela, tro malmulte konata iniciato de niaj japanaj samideanoj, kreintaj la »Studejon de Zamenhofa gramatiko«, el kiuj venis al ni jam tiel valoraj studoj. Estas tempo por science esplori la karakteron, la ideojn kaj la verkojn de nia Majstro, ne provante altrudi al li niajn hodiaŭajn antaŭjuĝojn. La rezultato eble ne ĉiam plaĉos al ĉiu. Sed Zamenhof estas sufiĉe granda, por ne timi la kritikan, objektivan ekzamenon pri liaj pensado kaj verkaro: li meritas pli, ol blindan adoron de idolanoj aŭ fanatikuloj, li meritas, kaj certe ricevos la kleran admiron kaj amon de ĉiuj prudentaj homoj.

## Amkanto

— K. Kalocsay —

*Andante* **Miklós Tbegze-Gerber**

Ho se mi vin ko-re-sus pri' mon-do mi for-ge-sus, en mar mi-e-la dro-nus an-ĝe-la vo-ĉo so-nus kun vor-toj dol-ĉe kan-taj fe-li-ĉon e-non-con-taj al kor' me-lan ko li-a ho ka-ra mi-a! — Kaj ka-ra mi-a!

2. Kaj kisoj! Trink' Edena!...
Min nokte sonĝo bena
Per dolĉa tromp' enlulas,
Ke lip' sur lipo brulas.
Nokt' benas, tag' min mokas,
Mi tage vane vokas
Vin kun dolor' pasia,
Ho kara mia!

---

la ferringoj saltis el inter liaj krudaj fingroj, frapiĝis al la tranĉiloj kaj falis tintante sur la tolon sternitan sub la stabloj. La gapantoj ridis. La vizaĝo de l' fraŭleto ruĝiĝis. La tranĉiloj, tuŝitaj per la ringoj, tremante zumis kaj kliniĝadis en ĉiam pli grandaj rondoj.

— Fi, al la diablo ĉi tiujn tranĉilojn kaj ringojn, — ekkriis fine la bubo. — Preskaŭ du rublojn mi forjetadis vane, se mi estus gajninta almenaŭ sukerpanon!

Kaj ĝenite li malaperis en la tumulto.

— La pasintan dimanĉon iu gajnis ĉi tie paron da botoj — diris fraŭlo en flikita pantalono, — kaj tiu forringadis por ili dek rublojn.

— Ĉu vi permesas, ĉu vi permesas, — diris Paŝka kaj traboris sin al la stando, — min interesas, kiel iras la afero.

La maljunulo donis al li ringojn.

— Do, — interesiĝis Paŝka detaleme — se oni trafas la suban tranĉilon, ĉu oni gajnas sukerpanon?

— Povas gajni, — respondis la maljunulo kun indiferenta voĉo.

— Kaj iom pli alte vekhorloĝon?

La maljunulo kapjesis.

— Interese. Hu! Kaj por la samovaro verŝajne oni devas celi tute sub la tegmenton?

— Antaŭe gajnu nur sukerpanon, poste vi povas grimpi pli supren, — ekparolis iu senpacience el la amaso, — ĵetu!

Paŝka metis la fotografajon sur la standon, disŝovis per siaj kubutoj la kunpremiĝintan ĉirkaŭ li publikon, apogis sin, celis, sed subite ektremis lia mano, la ringo saltis el inter liaj fingroj, falis flanken kaj forruliĝis.

Paŝka rigidiĝis. Flanke, apud la stabloj, sur seĝo sidis juna, fiereta knabinjo, kun manoj bele kunkroĉitaj en la sino, tiel tre bela, ke Paŝka preskaŭ blindiĝis ŝin rigardegante. La knabino rapide leviĝis, prenis la ringon kaj etendis ĝin al Paŝka, ne alrigardante lin kaj subite facile, ŝtele ŝi ekridetis, nur buŝangule, — kaj Paŝka perdiĝis!

— Nu, kio al vi, ek, forgajnu el la alto la samovaron, — ekkriis la scivoluloj post lia dorso.

Paŝka rekonsciiĝis kaj komencis ĵetadi unu post la alia la ringojn, nenion vidante ĉirkaŭ si, nur la mallevitajn palpebrojn kaj la buŝeton de la knabino, la buŝeton kiu havis meze fendeton, kiel la ĉerizo.

Kiam li jam ĵetis ĉiujn kvardek ringojn, la knabino silente kolektis kaj metis ilin senvorte sur la standon. Sed nun ŝi ne ridetis, nur levis siajn grizajn okulojn al Paŝka, reordigis iun el siaj blondaj bukloj, kiu antaŭensaltis el post ŝia orelo. Paŝka denove pagis la dudek kvin kopekojn. La ringoj mallerte flugadis, unu post la alia. La publiko ridaĉis kaj premiĝis post lian dorson. La tranĉiloj zumis kvazaŭ abeloj. La maljunulo indiferente turnadis sian kurbigitan fingron en sia nazotruo.

Paŝka, post kiam li forĵetadis tutan rublon, ne trafinte eĉ per unu ringo, reiris rezigne el la amaso en la parkon kaj promenis plu sub la tilioj, sur la bordo de la lago, kiun la sunsubiro pentris rozkolora. Facila nebulo ekkovris la lagon. Freŝa venteto ĉirkaŭŝvebadis lian kapon. En la molkolora akvo kvazaŭ flamkolonoj respeguliĝis la lampoj de kinejo. Kelkaj junaj knabinoj, kun mallongaj haroj kaj verdaj kaj bluaj kombiloj, kuris preter Paŝka, puŝis unu la alian kaj ridaĉe turniĝis post lin, — jen vere bela knabo! Sed Paŝka nur iris plu, tute ne zorgante pri ili kaj reveme zumkantis:

— Ciganino profetis, ciganino profetis, ciganino profetis, — el mia manplato.

Ĉinokte definitive kaj neŝanĝeble li enamiĝis.

Dum tuta monato ĉiudimanĉe li aperis en la budo, por ĵetadi ringojn. La duonon de lia salajro li elĵetadis tiel kvazaŭ tra la fenestro. Li eĉ ne prenis sian ferion — malfruis sian vicon. Li tute freneziĝis. La knabino ankaŭ nun, kiel antaŭe, donadis la ringojn kun mallevitaj okuloj. Nur malofte ŝi ridetis kvazaŭ antaŭ sin. Kaj kelkfoje, kiam subite ŝi ekvidis Paŝkan en la amaso, ŝin trakuris profunda ruĝo, tiel ke eĉ ŝiaj ŝultroj, tra la diafana batisto, brilegis kvazaŭ abrikoto. Sed kiel ajn penadis Paŝka, neniel li sukcesis eĉ por momento paroli kun la knabino inter kvar okuloj; jen la homoj malhelpis ilin, jen la maljunulo atentis ilin per siaj malicaj okuloj super la okulvitroj kaj turnadis la kurbigitan fingron en siaj nazotruoj, kvazaŭ minace al Paŝka: »for la manon de tiu knabino, ŝi ne estas por vi, estos bone, se vi forportos vin!« Sed foje

## Al moderna knabo

— Ludoviko Totsche —

Ŝilentu nun la rim' en mia verso, ĉar
heroo ĝia estas vi, moderna knab',
kaj ĉi juvelon pompan ja rigardus vi
senvaloraĵo, kiu elmodiĝis jam.
Ja, pli konvenas al praktika via mens'
ĉi nude simplaj versoj; la magia bril'
de l' tintaj gemoj ja malvarma lasus vin,
vin plaĉas klara, fakta kaj rapida vort'.
Por mini rarajn belojn kun tenaca vol'
ne estas tempo plu. Ĉi tion lasas vi
al kelk stranguloj lastaj, kiuj kun sindon'
oferas pie sur altaro de la Bel'...

Sed mi rakontu jam pri nia renkontiĝ'.

En kino sidis mi. Dimanĉa posttagmez'.
La nervojn, lacajn de l' semajna sklav-penad,
humiligitajn en avido al liber',
mi volis ripozigi nun per la muzik'
kaj kura bildo-vic'. La filmo temis pri
banala historio, sed la ĉefhero'
mem estis la Maŝina Moŝt', en formoj mil
ĝi rolis: kiel flugmaŝino, zepelin',
milita ŝipo, aŭto, bombo kaj la hom',
pelita ĝia sklav', maŝiniĝinta mem.

Mi en brakseĝa sin' enuis lace nun,
pli orfe sola en ĉi granda homamas'
ĝuanta kune, ol en la ermita sol'
de mia ĉambro. Jen ekspiron de admir'
mi aŭdas. Mi rigardas al apuda seĝ'
kaj vidas vin kun brusto kliniĝinta al
la lumobildo; tremis lipoj pro l' ekscit'
kaj fajris viaj vangoj de l' plezurekstaz'.
L' impulsiĝemo febra de la juna aĝ'
vin igis sekvi, sekvi kun atento-streĉ'
la heroagojn kaj miraklojn de l' Teknik'.
Mi vin observis ŝtele. Tra la duonlum'
albrilis min de viaj haroj juna hel';
muskoloj viaj fortaj, via kreska korp'
ŝveligis viajn knabajn vestojn ĝis kreviĝ'.
Mi meditadis. Mi vin vidis en imag'
dum futbal-ludo, dum vetkuro, en naĝej',
triumfe ĉiam, venke ĉiam per la fort'
de via jun'. Kaj kaptis min rezignaci'
envia, ĉar mi ne plu estas homoplant'
floranta, juna, freŝ-elasta, kia vi...
Pardonu! Sed sur sojlo de la viro-aĝ'
tiom doloras la renkonto al la jun'!
Jen antaŭ mi enuaj taskoj de la viv'
seniluzia, klaras jam la vido, sed
la celo mankas... Ho, ja kiom volus mi
kun vi vetkuri, naĝi, sporti, kion dum
knabaĝo mi neglektis, ĉar delogis min
bibliotekoj. Sed mi scias ja, ke nur
ĉi kelk minutojn daŭras nia vojkruciĝ':
la griza ritmo de la taga viv-muel'
denove kaptos min, kaj kun rezigna firm'
sur mia voj' soleca mi min trenos plu.

Vi, same, iros sur aparta via voj':
kiel la subjuginto de Aleksandri'
bruligis librojn por akiri lokon al
kulturo nova, tiel vi, sur la ruin'
de l' civilizo nuna, per muskola brak',
praktika mens konstruos mondon novan kaj
realan. Ho, barbara mondo estos ĝi!
tiu ĉi mondo de l' racio kaj maŝin',
de la malvarma kaj kalkula intelekt',
el kiu ekzilita estos senta riĉ'
kaj poezio. Kompatinda ŝtala mond'
malvarme brila, via, ho moderna knab'!

Kaj se vi sentos la malplenon en anim',
eble vi fosos foje el sub ruinaj'
trezorojn forgesitajn, kaj memoros vi
pri kelk stranguloj lastaj, kiuj kun sindon'
oferis pie sur altaro de la Bel'
kaj ŝtele kaŝis la trezorojn de l' kultur'
por renaskiĝo el utero de l' Futur'!

---

Paŝka tamen sukcesis momenton paroli kun ŝi. Estis malmultaj gastoj, kaj la maljunulo ĝuste kuris malantaŭ la budon, por forpeli per sia kanbastono la stratbubojn.

— Humilan saluton, — ekparolis Paŝka kaj haltis lia korobato. — Kio estas via nomo?

— Ludmilla, — flustris la knabino rapide kaj arde. — Mi bone konas vin, vi foje forgesis ĉi tie vian portreton sur la breto kaj mi ĝin konservis. Mi tute enamiĝis al ĝi, — tiel bela ĝi estas.

La knabino metis sian fingron en la kolumon kaj montris sur sia ŝlosilosto la angulon de la ĉifita bildeto. Poste ŝi levis la okulojn kaj ruĝiĝis, kvazaŭ rozo. — Kaj ĉu via nomo?

— Paŝka. Ĉu vi ne volas veni kun mi en la »Colosseum«-teatron? Estas tre interesa programo: »La miliarda sinjoro, dua parto.«

— Ne eble. Patro gardas.

— Tamen.

— Dio gardu! Se mi iros, li eĉ ne enlasos min plu en sian domon. Kaj panjo estas eĉ pli malbona. Ŝi havas vendobudon sur la foirplaco Suharov, sub sia propra nomo. Terure, kiel severaj estas la gepatroj, simple terure. Ni loĝas en la Sretenka, strato Prosvirin, ne malproksime de ĉi tie, numero du, en la korto, maldekstre de la pordego.

— Kiel do estu, Ludmilnjo?

— Ja povas esti nur tiel. Rapide, ĵetu la ringon, patro venas.

Apenaŭ rekomencis Paŝka la ĵetadon de la ringoj, kiam la patro aperis kun la kanbastono. Li alrigardis la knabinon kun malicaj okuloj. Paŝka do, nenion arangînte, denove foriris.

Kaj kiam la sekvan dimanĉon li denove tie aperis, li vidis — ke la budo estas ennajlita. Sur la firmotabulo estis legebla: »Praktika amerika ringoĵeto: 40 pecoj 25 kop.« Sur la pordotabulo paradis en blua kampo verda papago kun rozkolora vosto, kun ringo en la beko. Kaj antaŭ la papago vento frostotremigas la flavajn tilifoliojn, ĝi frapadas ĉiuflanke la budon, la florbedoj estas senordaj, nenie iu en la parko; estas aŭtuno.

Tiam Paŝka rememoris la vortojn de la ciganino: maljunulo baras vian vojon... per tranĉilo minacas vin granda malagrablaĵo... la verda papago portos feliĉon en vian vivon, — kaj tia kolero kaj indigno lin kaptis kontraŭ la stulta ciganino, ke tion oni eĉ ne povas priskribi. Paŝka pugne minacis la papagon kaj

iris plu en la vento frapanta lin el ĉiu direkto, sur la dezertaj, kalvaj vojoj. Li atingis al Sretenka, kaj venis en la straton Prosvirin. Estis malserena, vitroluma aŭtuna tago. Kontraŭflanke de malgranda, malriĉa preĝejo staris vere, kun la cifero 2. la domo pentrita verde kaj blanke. Paŝka paŝis en la korton kaj sin turnis maldekstren. Sed plu li ne sciis, kien la vojo.

Tiam en la korto ekknaris gurdo, sur la gurdo sidis verda papago kun rozkolora vosto kaj rigardis al Paŝka per la rondaj, impertinentaj okuloj el sub dikaj palpebroj. Subite malfermiĝis eta fenestro en la dua etaĝo. El la fenestro etendiĝis delikata mano kaj moneron volvitan en paperon faligis sur la trotuaron de l' korto. Tra la duobla fenestro, super vatkuseno kun torditaj sur ĝi lanbuletoj, inter kurtenoj kaj fikusoj, Paŝka ekrimarkis Ludmillan. La knabino amike rigardis suben al li, premis sian freŝan vizaĝon al la fenestro, donis signojn per siaj fingretoj, disetendis siajn brakojn, balancis la kapon, mangestadis, — entute oni ne povis kompreni, kion ŝi volas. Ankaŭ Paŝka komencis klarigadi per la mano: »Venu malsupren, fajfu pri la gemaljunuloj, mi ne povas vivi sen vi«, sed tiam aperis en la fenestro grasa, liphara, turktuka virino, ŝi frapfermis la fenestron kaj minacis fingre al Paŝka.

Paŝka sin trenis hejmen, sin turmentadis du tutajn semajnojn, vagadis ĉiunokte en la strato Prosvirin, kie li timigadis la irantojn kvazaŭ ŝtelisto, tute malgrasiĝis, kaj la trian dimanĉon li purigis per malnova teo siajn jakon kaj pantalonon, maŝis rozkoloran kravaton, ciris la ŝuojn kaj penetris rekte en la faŭkon de l' drako — proponi siajn koron kaj manon. Ludmilnjo mem malfermis por li la pordon, — ŝi ekmiris, kaptis mane al sia koro, sed Paŝka iris preter ŝi en la ĉambron, kie la gepatroj trinkis laktan teon post preĝado, kaj ekparolis:

— Bonan apetiton. Pardonu min, paĉjo kaj pardonu min, panjo, sed sen Ludmilnjo mi ne povas vivi. Kiam mi ŝin ekvidis, mi tuj freneziĝis. Faru, kion vi volas, jen mi staras antaŭ vi: diplomita seruristo, sesa salajroklaso, plus aparta aldono, de 1917. sindikatano, mi ne trinkas brandon, mi nenien pagas alimentojn, tiel ke ankaŭ ĉiflanke ĉio estas en ordo.

— Por vi mi ne estas paĉjo, — ekkriis la maljunulo kun voĉo senindulga, — kaj mia edzino por vi ne estas panjo! Ĉu vi komprenis?

— Kaj kia nova modo estas aŭskulti gurdon sub la fenestro, en la korto kaj enpuŝiĝi en loĝejon de nekonataj homoj, — daŭrigis kolere la virino, — rezervu tion nur por vi mem! Nu jen! Ni bezonas tute alispecajn svatantojn. Nu jen, sesa salajroklaso! Pasintjare domservisto svatis pri Ludmilla el la strato Mjasnickaja kaj ni ne donis ŝin eĉ al li. Mi petas vin, civitano, forlasu nian loĝejon! Kaj la knabino — sub seruro — ankaŭ bone! Ni ne bezonas seruriston, precipe ne el la sindikato.

— Sole per praktika amerika ringoĵeto mi gajnas mil rublojn en kontanta mono dum unu sezono, — aldonis la patro grumbleme, — kaj mi havas gajnobjektojn por kvarcent rubloj. Ludmilnjo bezonas tian edzon, kiu havas kapitalon, por pligrandigi la negocon. Per unu vorto: ĝis la revido!

— Do vi ne donas al mi la knabinon? — demandis Paŝka malesperiĝinte.

— Ne, — kvikis la maljunulo.

— Nu bone, — diris Paŝka minace, — se temas pri kapitalo por negocgrandigo, ni fermu la kunsidon. Vi ankoraŭ memoros pri mi, mi ankoraŭ bele vin arangos. Adiaŭ, Ludmilnjo, ne malesperu, atendu je mi!

Sed Ludmilnjo sidis ekstere en la koridoro sur kesteto kaj tordadis la manojn.

Paŝka kunmordis la dentojn, iris al la placo Suharov kaj aĉetis akran kuirejtranĉilon. Hejmenveninte li ŝlosfermis la pordon. Alvenis la vintro kaj ĝi ankaŭ pasis. De sur la dorso de la »Puraj Lagoj« oni forportis la glacion per sledoj. Paŝka laŭorde iris labori, eĉ unu horon li ne pasigis vane, sed ĉiunokte li estis hejme, enfermiĝinte, kaj la najbaroj aŭdis el lia ĉambro mallaŭtan tintadon. Eble li lernis ludi gitaron. Neniu sciis.

La rivero degelis. La suno komencis varmigi, la arboj ekburĝonis kaj verdiĝis, al la »Puraj Lagoj« oni ekspedis la boatojn per ŝarĝveturiloj. La fotografistoj en la aleo elpendigis Kremlon kaj la lunluman nokton. Kaj vespere la parko vigliĝis per promenantoj.

Ĉiudimanĉe Paŝka sisteme eliris al la »Puraj Lagoj« por rigardi, ĉu oni jam malfermis la budon. Ĝi ankoraŭ estis fermita. La verda papago kun roz-

# POEMOJ

**— Grindel Falkonbriĝ —**

## Somernokto

Ĉie — langvora mut',
Ĉie — streĉita silent',
Ĝibas levil' ĉe put',
Blovas parfuma vent'.

Nokto ĉirkaŭas nin,
Nokto similas al vin',
Ĝi ebriigas vin,
Mia nuna reĝin'.

La ĉirkaŭpreno kun fort'
Tia, ke krakas ostar',
Ŝajnas ke drona mort'
Estas en febra mar'.

Baldaŭ leviĝos sun',
Tiam disiĝos ni,
Sed rememoro pri l' kun'
Restos ĉiama vizi'.

La rememoro pri l' kun'
En blanka nokt' de somer':
Vi longe ĝin kredos ver'...
Baldaŭ le,iĝos sun'.

## Printempiĝis

*(kanteto)*

Printempiĝis, plivarmiĝis.
Gaje brilas sun'.
Neĝ' degele eklarmiĝis,
Ĝi ma'sanas nun.

Jes, alvenis por vi, vintro,
La plej certa mort',
Al mi tedis vidi vin tro
Ofte en la kort'.

Iru for, veter' malbona,
Kune kun malgaj',
Nin de l' vivo monotona
Savu luma Maj'!

kolora vosto sidis en la tempestobatita, paliĝinta blua kampo kaj tenis ringon en la beko, inter la freŝaj tilibranĉoj. Paŝka estis malgrasa kaj malgaja. Kaj iun belan dimanĉon li denove elvenis — kaj la budo estis malfermi'a. Ĉe la enirejo tumultis gapantoj. Interne brulis la lampoj kun blindiga brilo. Aŭdiĝis sono de metala tinto kaj rido.

Paŝka dispremis ŝultre la homamason kaj ĝentile paŝis al la stando. Liaj okuloj ŝtaldure fulmis super la fortaj vangostoj. Ludmilla ĝuste prenadis la ringojn. Kiam Paŝka enpaŝis, ĉiu sango kuris el la vizaĝo de l' knabino, ŝi fariĝis preskaŭ diafane pala, ŝiaj okuloj mallumiĝis kaj ŝia buŝo ankoraŭ pli similis ĉerizon. La patro ordigis la okulvitrojn kaj iom paŝis malantaŭen.

— Permesu, kamaradoj, — diris Paŝka moroze, ŝultre li flankenŝovis ĵetantan knabon kaj eĉ ne alrigardante la maljunulon, li signis al la knabino. Ŝi preskaŭ senvive transdonis al li la ringojn. Paŝka tuŝis ŝiajn malvarmajn fingrojn kaj ĵetis trirublan moneron sur la tablon.

— Vi devos preni ŝovveturilon, kamarado, por ekspedi la samovaron, — oni mokridis post lia dorso.

Paŝka ne rigardis dorsen, prenis la unuan ringon kaj neglekte ĝin ĵetis. La tranĉilo eĉ ne ektremis. Aŭdiĝis mallonga eksonoro. La ringo sentuŝe flugis sur la tranĉilon. La maljunulo impete boris per la fingro sian nazotruon kaj suspekteme lokis antaŭ lin skatolon da sukerpano. Paŝka flankenŝovis la skatolon kaj nur neglekte ĵetis la duan ringon. Ĝuste tiel facile kaj certe falis la ringo sur la duan tranĉilon. Kaj eĉ tempon ne havis la maljunulo por piedi al la stablo, malantaŭ lia dorso Paŝka jam ĵetis tri aliajn ringojn horizontale, unu post la alia, kiuj facile, preskaŭ sensone falis sur tri aliajn tranĉilojn. La amaso mutiĝis.

La maljunulo turnis sian ŝrumpintan vizaĝon al Paŝka kaj rapide palpebrumis. Malluma ŝvitoguto kvazaŭ cimo rampis suben sur lia frunto. Liaj pantalontuboj iom ŝoviĝis malsupren kaj ĉifiĝis kvazaŭ malplenaj sakoj. Paŝka staris elegante, kun krucmetitaj piedoj, sin apogante al la pupitro kaj tintadis per manplato da ringoj.

— Do kiel ni estos pri Ludmilnjo, paĉjeto, — li demandis mallaŭte kaj indiferente flankenrigardis.

— Mi ŝin ne donas, — respondis la patro kun maldika voĉo.

— Vi ne donas, — diris Paŝka dormeme, — nu bone. He, bubo, kuru al la Prokovskipordego por ĉaro, vi ricevos la samovaron. Stariĝu iom flanken, paĉjeto.

La vizaĝo de Paŝka fariĝis fere dura. Sur lia frunto la vejnoj ŝvelis branĉe. Facile li levis la strečitan brakon. Fulmoj zigzagis el inter liaj fingroj. La tranĉiloj muĝis, surprizite de la ringoj falantaj sur ilin. La amaso kriegis, hurlis, inundis. La homoj el ĉiuj direktoj kuregis al la budo. Paŝka preskaŭ eĉ ne rigardis al la celo. Liaj okuloj kvazaŭ senpense turniĝadis. Estis terure. Eĉ unu ringo ne falis sur la tolon. Li finis dum kvin minutoj. Per la maniko li traviŝis la frunton. La amaso disiĝis en du partojn. Antaŭ la budo staris ĉaro.

— Surmetu ilin, — diris Paŝka.

— Kion vi volas fari? — ekparolis la maljunulo kun granda sufero kaj piedadis tien-reen inter la stabloj.

— Nenion, ĉion mi ĵetos en la lagon kaj fino.

— Jes, sed kiel, civitano — veadis la maljunulo kvazaŭ maljuna virino. — nur en varo ja perdiĝis kvardek ĉervoncoj, ne kalkulinte la entreprenon mem.

— Mi fajfas pri tio! Kaj eĉ se cent. La varoj estas miaj. Mi ne ŝtelis ilin, mi gajnis honeste. Jen staras la atestantoj. Dum la tuta vintro mi ekzercis, mi eĉ ne dormis. Mi faros, kion mi volas. Se mi volas, — mi portos hejmen ĉion, — se mi ne volas, — mi ĵetos ĉion en la akvon.

— Brave, — ekkriis la amaso entuziasme. — Kaj eĉ sub ĵuro! Sed, aŭskultu, la gramofonon ne forĵetu!

Kelkaj volontuloj rapide ŝarĝis la ĉaron, plenplena.

— Ni iru, — diris Paŝka.

— Kien... kien... — klukadis la maljunulo. — Mi eĉ ne kuraĝas hejmeniri post tiu ĉi bela negoco. Ĉu vi volas vere dronigi ĉion?

— Jes, — respondis Paŝka, — ni iru al la boatodomo.

— Ĉu vi ne timas la ĉielon?

— Ĉielo — restaĵo de obskuraj tempoj, paĉjo, ĝuste kiel la verda papago. La esenco — jen!

Kaj li strečis sian muskolan brakon.

Ĉirkaŭata de vivanta ringo de svarmantaj homoj la ĉaro forskuiĝadis kaj haltis nur ĉe la boatodomo. Paŝka prenis de plej supre la ŝuojn kaj ĵetis ilin en la akvon. La homamaso ŝtoniĝis.

— Haltu, — ekkriis la maljunulo kun fremda voĉo kaj kuregis al la ĉaro, — nenion ĵeti en la akvon!

Tiam Paŝka metis la manon sur la supron de la fatraso kaj diris mallaŭte kaj kun mallevitaj okuloj:

— Lastokaze mi parolas malkaŝe kun vi, paĉjo. Ĉi tiuj homoj estu miaj atestantoj. Donu al mi vian filinon kaj reprenu viajn aĵojn. Tiam mi evitos de nun centpaŝe vian budon — sed alimaniere mi blovos en la aeron laŭvorte la tutan entreprenon, paĉjo. Sen Ludmilnjo mi ne povas vivi.

— Do prenu ŝin! — ekkriis la maljunulo kaj signis per la mano. — Fi! — Iru kun ŝi!

— Ludmilnjo, — ekparolis Paŝka: li paŝis de la ĉaro kaj paliĝis.

La knabino staris apud li kaj embarasite kaŝis sian vizaĝon inter la brakojn. Pro la honto eĉ ŝiaj manoj fariĝis rozkoloraj.

— La kunsido finiĝis, kamaradoj, vi povas disiri, — diris Paŝka kaj tiel singarde li ĉirkaŭprenis la junan knabinon, kvazaŭ ŝi estus el porcelano.

En tiu ĉi horo la parko estis plena de siringodoro. Ĉie estis siringodoro, — en la haroj de l' promenantoj kaj en la akvo de l' lago. Super la tilioj, alte staris la luno sur la malhelviola firmamento, akre, kvazaŭ tranĉilo. Kaj ŝutiĝis ĝia juneca lumo, respeguliĝis en la akvo, disfluis en grandaj kaj malgrandaj ringoj, kiuj estis kvazaŭ vivantaj, oraj, fianĉaj ringoj.

El la rusa: *Sarmato.*

## AFORISMOJ

— *Bone pendigite estas pli bone ol malbone edziĝinte.* Shakespeare.

— *La agoj de la homoj pruvas al ni, ke la leĝo de l' virto ne estas ilia interna principo... La virto estas ĝenerale aprobata, ne ĉar ĝi estas ennaskita, sed ĉar ĝi estas utila.* John Locke.

— *Manĝaĵoj estas bonaj nur por malsatulo, vino por sanulo, medikamento por malsanulo, pelto por la vintro, virinoj por la junularo. Ili do estas nur relative bonaj. Nur mono estas la bono absoluta: ĉar ĝi kontentigas ne nur unu bezonon konkretan, sed la bezonon ĝenerale, abstrakte.* Schopenhauer.

**(Walter Lippmann)**

# POEMOJ

— Hendrik Adamson —

## Diogeno

Moderna mi Diogeno, —
mi propran loĝas barelon,
vi, homoj, flanken! sen ĝeno
ĉe l' sun' mi varmigu orelon.

Forpaŝu, Makedoniano,
ne baru sunbrilojn orajn,
superas en ili la bano
triumfojn viajn glorajn.

Eĉ sole mian lanternon
mi kredas ja pli valora,
ĉar montras ĝi vian internon,
kun via mizero plora.

Por kio viaj purpuroj
kaj multekostaj ŝtonoj,
vi estis kaj estos stultuloj,
vi estis kaj estos friponoj.

Amasoj da homaj kranioj —
rikolto de falĉo batala,
jen spuroj de glormanio,
por landoj kaj homoj fatala.

Sed mi ne bezonas gloron,
nek flatojn de vanta kortego,
en koro mi sentas doloron
de kruda hommortigo.

Kaj mi ne bezonas oron,
nek ĉiujn trezorojn de l' mondo,
sed sangan mi ploras ploron
pri homaj maljust' kaj senhonto.

## Gril'

Gril', gril', vi gajamuza gril',
kun dolĉa tril'
dum nokt-trankvil',
kaj hel' kaj bel': de sur ĉiel'
bril' de s'elmil'.
Tili', lili' kaj papili'
raviĝas de la idili'
de bril', de tril'
de gril'.

Gril', gril', vi gajamuza gril',
kun farsa tril',
jen fajro-bril'
kaj ŝveba fumspiral' en val',
kiel korktiril'.
Tili', lili kaj papili'
raviĝas de la idili'
de bril', de tril'
de gril'.

Gril', gril', vi gajamuza gril',
kun ĉarma tril';
jen varma bril'
de gaj' trankvila en okul'
de noktvagul'.
Tili', lili' kaj papili'
raviĝas de la idili'
de bril', de tril'
de gril'.

## Aŭtuntamburoj

Plu ne jodlas najtingal'
en ĉi val',
flavas luno kvazaŭ gal';
folifal'.
Kirle, kirle, kirle, kirle ilin vento tordas,
hurle, hurle, hurle, hurle, kiel hund' rabia mordas.

Nur kriaĉas noktvagul' —
strig-ulul'
kaj iraĉas kvazaŭ mul'
ebriul'.
Stumble, stumble, stumble, stumble, kun la naz' en kot',
grumble, grumble, grumble, grumble li disŝmiras ĝin
per frot'.

Flugas vento kvazaŭ vel'
en ventpel',
jen raketo de ĉiel' —
falas stel'.
Grince, grince, grince, grince prujnon ŝutas frost',
pinĉe, pinĉe, pinĉe, pinĉe premas ĝis ekkrakas ost'.

Jam koaglas la medol',
col' post' col',
sed finiĝas la petol'
de l' fivol':
fuĝe, fuĝe, fuĝe, fuĝe nokto kuras for,
ruĝe, ruĝe, ruĝe, ruĝe disfloriĝas la aŭror'.

## Vesperkanto

Forpasis kure la juneco,
temp' tro revema sen prudent' —
kaj estingiĝis purpurmeĉo
en malproksima orient'.

Min tro lacigis voj' ŝtonoza,
sur dorso sidas zorgo-ĝib',
mi iras, iras, senripoza
vagulo, sub sortbata vip'.

Min jam, post lastaj lacaj paŝoj,
atendas tombo: frosta lit',
kaj ĉirkaŭ kruco el kreskaĵoj
de l' ter' volviĝos sole vit'.

# LA NOKTO

— Ŝ. BERLINSKI —

Sur granda, senhoma kaj libera spaco rivelis sin antaŭ mi la Nokto. Ŝi estis kontenta, plena rideto brilis sur ŝia vizaĝo, senĉese ornamante ŝian helbluan vualon per arĝentaj tulaj rubandoj, kiujn ŝi sternis tie kaj ĉi tie. Kiam mi ekrigardis ŝiajn multajn okulojn, kiuj gajknabine palpebrumis, okulumis, ŝi komprenis mian rideton kaj turnis sin al mi:

— Karulo mia, ĉu vi fakte min rigardas petolulino, celanta sole al ludo? Mi ne neas, ke mi foje ŝatas ekkaresi junan koron, veki tie kordon. Kial ne? Se mi, ekzemple, renkontas paron ie sub arbo, en angulo, mi donacas al ili rideton, kunplektas ilin per mia blanka ŝalo. Nu, jes, la okuloj — vi tion ja mem bone komprenas — ŝatas sin respeguli. Flameto en ili montriĝas. Ne domaĝas, infanetoj, varma sango, ĝuu ĝin elkore. La Tago verdire ŝatas admoni kontraŭ tio, konsideras ĝin kiel mian teruran pekon, sed pri la Tago kaj liaj belaj aferoj valorus paroli aparte. Aŭdu. Ofte mi renkontas homojn sur solecaj vojoj, kiel vin ĉi tie. Ili venas kun tremetantaj koroj, kun soifaj rigardoj kaj ekzaltiĝas per mia beleco, admiras mian rideton, okulumon, ĉarmon, la diversajn rubandojn, per kiuj mi ornamas min. Tiam mi ludas iom kun ili, per mia molvelura spiro flustras al ili rakonton pri ensorĉita lando, kie reĝidino kun parfumita korpo premas sin sopire al sia blanka silka litaĵo. Ŝiaj okuloj estas lacaj de sopirado, ŝiaj lipoj sekiĝis de soifo al kisoj. Do ŝi prenas harpon kaj elsorĉas el ĝi la tonojn de ŝia koro, kaj tiuj tonoj plenaj de amo kaj sopiro vokas, vokas ĉiujn, kiuj kapablas admiri. Tiam mi superĵetas per miaj lumradioj la vojon kondukantan al ŝi. Kaj fariĝas sankta ĝojo, ili kreas laŭdkantojn, gloras ŝiajn okulojn, la orajn bukloju, kaj sian eternan sopiradon al ŝi. Kaj ĉu vi pensas, ke per ĉi tio finiĝas mia laboro? Mi estas patrino, patrino por ĉiuj malfeliĉuloj! La homo ja bedaŭrinde tiom multe suferas, havas tiel malican malamikon, kiu batas la homon en loko plej dolora, kaj mi devas liajn vundojn kuraci.

Ŝi subite kovris sian vizaĝon per facila nubeto. Ŝi ŝajnis malĝojiĝi, ŝia spiro ektremis kaj malgaje ŝi daŭrigis:

— Certe vi scias, kiu estas la malamiko? La Tago. Vidu, ankaŭ mi ŝatas foje ekbrili, ja ne ĉiam mi estas tiel nigre-melankolia, kiel oni ŝatas min pentri. Sed kie vi trovos ĉe mi tiun aŭdacan arogantecon, kiun havas la Tago? Brili? Bone. Sed ĉu oni vere devas malkaŝi ies vundon, montri al li lian tutan malriĉecon kaj malfeliĉon en plej fascina lumo? Ĉu vi pensas, ke mi renkontas malmulte da homoj kun ŝiritaj vestoj, flikitaj ŝuoj, kaj ankaŭ la koro estas ŝirita kaj nigra kiel mia vizaĝo en la fino de l' monato? Do ĉu mi nepre devas sterni min en la nefermitajn lokojn, ke laŭeble plej videbla fariĝu la korpo? Mi ne volas fanfaroni antaŭ vi. Mia kutimo estas tute alia. Mi prefere sendas rideton en malluman koron. Kvankam per mia iomo de lumo mi devas ofte lumigi ĉambreton, kie lumo foje ekmankas. Vere, la homoj ĝenas sin iom. La malriĉecon mi tamen ne nudigos antaŭ iliaj okuloj. Tion mi ne kapablas. Do mi vualas la rompitajn litetojn, la ĉifonojn kuŝantajn sur ili kaj endormigas la vivantojn: Sss, silento. — Ne unu fojon mi devas montri la vojon al migranto. Ofte mi tuj alkuras al li kaj haltigas lin por ripozigi. Mi ne forgesas, se mi renkontas malliberejon, ensendi al la malliberulo lumstrion sur la muron: malfeliĉa li kuŝas tutan vesperon kaj rigardas la densan mallumon, li ludu do iom per la lumstrio. — Kaj kiom da koroj trompitaj mi renkontas, prefere ne demandu, karulo. — Jen en lito kuŝas knabino, ne povas ekdormi: neniigita amo, malfeliĉigita. Ĉirkaŭe estas mallumo kaj al ŝi ŝajnas, ke eterne tiel estos. Ja la homoj ĉion ŝatas kompari kun mi. Do ŝi pensas: la vivo estas malluma kiel la nokto. Subite mi ne plu povas elporti tiujn silentajn suferojn, la dentgrincadon, kaj mi proksimiĝas al la fenestro kaj enrigardas. Mia rigardo jam falas tie ien sur muron aŭ sur la liton, enŝteliĝas en ŝian koron, dispelas iom la nubajn pensojn, kuracas, promesas ion kaj mi plenumas la promeson. Mi tuj kuras al la junulo de la malfeliĉulino kaj ne lasas lin dormi, rabas lian trankvilecon. »Ne estas kiel vi pensas! — mi krias — vi rompis junan koron! ĝi doloras, degelas, mi ne lasos vin ekdormi en mia sino, mi faros ĉion, kion mi nur povos. Nigrajn langojn mi disblovos antaŭ vi, plej terurajn figurojn, kiujn mi nur posedas, mi prezentos en via imago. En ĉiama teruro vi vivos. Iru, iru tien, kie koro sangas pro vi!« Kaj li iras. Sed okazas, ke mi renkontas homon malnoblan sen animo, kaj tiam mi restas senhelpa. Kaj ĉu vi pensas, ke mi ne konas la diversajn malbonfamojn, kiujn oni malgraŭ tio klaĉas pri mi? Nome, ke mi estas sorĉistino, ke mi ŝatas kaŝi sub mian nigran vualon la plej malbelajn aferojn. Unuavide ĝi eble tiel aspektas, sed tio estas miopeco. Vere — en unu nokto oni pekas, kaj en la alia — oni ŝiras la harojn de la kapo, grincigas la dentojn. Oni eĉ hontus antaŭ la Tago, sin ĵeti, kiel antaŭ mi, kun peko en animo sur la litaĵon kaj elplori la maldolĉon el la koro. Por homoj kun nepura konscienco mi estas terura, timiga: mi staras en ĉiuj anguloj kun insidaj mallumaj okuloj kaj volas tiujn homojn kaperi en mian abismon. — Sed oni devas senti mian delikatan tremon, mian malhelan silkŝpinitan estaĵon, por aŭdi ĉiujn mallaŭtajn voĉojn de l' koro, kiujn mi kapablas akcepti. Jen ploras animo: ĝi ne volas disiĝi de la ĉielo, ĝi sopiras ĝian lumon kaj senĉese suprenrigardas. Sed la tero volas ĝin posedi, entute posedi, kaj ĝi batas ĝin, por ke ĝi malsuprenlasu la okulojn kaj vidu, kiel li sur ĝi tretas kaj vivas. Tiam la animo ekpendas inter tero kaj ĉielo, kun erarvaganta rigardo, kaj li ploras, ploradas ne dum unu nokto, nek dum du — ĉiam. Alia animo sopiras. Nekonataj mondoj, belaj, sorĉitaj rivelas sin al ĝi, kaj ĝi serĉas vojon al ili, kaj ne trovas. Do ĝi degelas de sopiro en silenta nokto. Tria animo dum tuta tago estas batata, mokata, ofendata. Do ĝi atendas min, malbenas la tagon kaj kuras hejmen, kiel batita hundo, por kapti iom da ripozo en mi. Kaj la Tago? Kion li faras kun tiu tuta malfeliĉa mondo, kiu plorvundas mian kapon? Li ridas, cinike-impertinente li mokas pri ili, kaj filudas kun kelkaj elektitaj, satiaj, kontentaj, liaj »homaj« homoj. Mi vidas, ke vi mireme rigardas min: kiel mi scias pri tio, kio dumtage okazas? Por mi sufiĉas nur ekrigardi fulmrapide antaŭ ol mi foriras: tuj kiam li malfermas sian arogantan okuleton en Oriento, li la mondon ŝanĝas en inferon. Ĉiuj pordoj haste malfermiĝas kaj homoj ekŝutiĝas en la stratojn. Ĉevalojn oni elpelas el la staloj. Ĉiujn oni jungas en la pezan

jugon kaj super ĉiuj pendas la vipo de l' tago, kiu skurĝas, pelas en senĉesa galopado. Kaj ili kuregas, ĉevaloj kaj pelantoj samtempe, kaj la bruoj de l' maŝinoj, marteloj, hakiloj, tranĉiloj kune kun la homa kriado fariĝas tiel grandaj, ke mi dankas Dion, ke mi jam forkuras. Sed tute alie aspektas ili, tiuj homoj, je mia alveno. Do mi jam povas imagi, kio dum la tago okazis. Plej bonan okazon por tio mi havas somere: la Tago estas granda, ĝi longiĝas kaj kunpremas min en etaĵon. Sed tio eĉ ne tuŝas min. Mi scias: la tempo venos kaj mi igos lin feto. Koleretiga nur estas tio, ke li — la Tago — pensas, ke lia regado daŭros sen fino. Jen mi jam malsuprenrigardas per unu okulo, per ambaŭ jen mi jam estas veninta kun mia pala vizaĝo, kaj lin tio eĉ ne ektuŝas: li brilas. Li ĵus komencas subiri en okcidento, ŝvite-lace kiel bandito post murdo. Dume mi ĵetas rigardon kaj vidas, kiel eĉ dum adiaŭdiro li alridetas siajn kelkajn satajn orornamitajn hometojn: sinjorinon kun briliantaj orelringoj kaj kun ringetoj sur la fingroj, sinjoron kun dika ora ĉeno sur la nefermita veŝto. Kun kia flatemo li ridetas al ili, disbriligas kolorojn kiel en ĉielarko, ludas kun iliaj silkaj vestoj kaj lakŝuoj, kovras ilin per brilo kaj pompo. Kaj la aliajn, kiujn mi la unuaj vidas en la ĉambroj, li bone forpelis. Lacegaj ili revenas hejmen, ne povas movi la ŝultrojn. Iliaj okuloj estas estingitaj, la manoj pendas kiel pezaj traboj. Kaj se li ankaŭ al ili donacas rideton, ĝi estas nur mokrido: li malkaŝas ilian honton, la ŝiritajn vestojn, el kiuj la korpo elrampas, la ŝrumpintajn vangojn, sur kiuj lia ruĝa flamo aspektas kiel ĉe ftizulo, kies lastaj sangeroj ludas kun li.

— Nu, fartu bone. Mankas jam tempo. La koko signalis, ke mi jam devas prepari min por mia vojo. Juna vi estas ankoraŭ, mi multon ankoraŭ rakontos al vi...

La Nokto komencis malaperi.

Tradukis: *I. Lejzerowicz.*

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

## Karikaturoj

### Solvintoj de la reorganizo

*Li fariĝis esperantisto pro — eraro. Por ĝui la milfoje prikantitan ĉielon de Italujo, li decidis lerni la lingvon de Dante. En la Popoluniversitato diversaj lingvoj estis instruataj kaj li senpacience atendis la komencon de la kursoj. Pro malhelpo li iom malfrue venis al la unua horo. La instruado de la diversaj lingvoj jam komenciĝis en la multnombraj ĉambroj kaj, por aŭskulte trovi la ĝustan klason, li ŝtelis sin de pordo al pordo sur la longa koridoro. Fine, ĉe iu pordo trafiltriĝis la vortoj ofte ripetataj:* sinjoro... sinjoro. *Jen la itala ĉambro, li pensis, kaj, honte pro malfruiĝo, li senbrue, rapide paŝis en la ĉambron, eksidis ie sur lastavican benkon kaj modeste, sed entuziasme malfermis orelojn, koron al la »muzika« lingvo. Ĉe la fino de la unua horo li pagis la kotizon kaj dum la dua horo konsternite li konstatis sian eraron. Kion fari? La kotizo estas pagita, li ne povas ridindiĝi sin per rakonto kaj repostulo de la mono. Li faris ja tiel, kiel la iama dratisto de potoj: kiu aĉetis sapon anstataŭ fromaĝo. Tiu manĝis la sapon; li do lernis la lingvon.*

*Mi ne scias, ĉu la sapmanĝado havis drastan efikon, sed mi scias, ke la lernado pro eraro renversis la tutan ekvilibron de lia vivo. Post semajnoj kun kursfina elokvento li faris paroladon al la instruisto kaj ĵuris je la memoro de la Majstro kaj je lia homaranismo, post unu monato li boksduelis kun sia plej intima amiko pro la »ideo«, en la oficejo ĝis raŭkiĝo li diskutis kun siaj kolegoj, forlasis sian fianĉinon, kiu kuraĝis nomi la lingvon »kirlomiksa idiomo« kaj li fariĝis celtabulo de mokoj, ŝercoj. Post jaro la aspekto de lia loĝejo eĉ en liaj samcelanoj maturigis penson:* li ne estas normala. *Duonmetra verda stelo ornamis la eksteran pordon de la loĝejo, en kies antaŭĉambro akceptis la vizitanton la — Bulonja Deklaracio, pentrita sur la muron. En la laborĉambro staris busto de Zamenhof, millibra biblioteko, Esperanta Vekhorloĝo, kaj sur la muroj pendis portretoj de pioniroj, literaturistoj. En la manĝoĉambro la gasto havis okazon enkuleriĝi la kafon per Zamenhof-a kulero, kaj se li tranoktis en la dormoĉambro, li povis mediti pri la* »DEK DEVOJ DE BONA ESPERANTISTO«, *kadrumita kaj pendigita kontraŭ la lito sur la muron.*

*Antaŭ ok jaroj li konstatis, ke la afero ne marŝas kontentige. La indiferento de la publiko, la hezitemo de la gesamideanoj, la konfuza organiza problemo detruas la fruktojn de la pioniroj. Pri solvo li longe cerbumadis, ĝis fine la vekiĝanta naturo dum iu sopirplena printempa nokto alportis la ideon, per kiu estas savebla kaj fortikigebla la movado de »nia kara lingvo«. Bonaj ekzemploj mankas kaj mankas la harmonia kunlaboro. Li decidis — edziĝi por realigi la teorian planon.*

*Ŝi lernis la lingvon —* pro kompato. *Konante ŝian mildan karakteron mi ne dubas pri tio. Iam ŝia fratino eklernis la lingvon, sed kiel multaj ankaŭ ŝi baldaŭ ĵetis la librojn en la angulon de la subtegmentejo kaj forlasis la sanktan aferon pro tiklaj lipharoj de junulo. Nia mildkora heroino sentis kompaton al la kruele traktitaj libroj, al la perfide forlasita ideo kaj por reboniĝi la kulpon de sia fratino ŝi decidis lerni la lingvon. Ekstazan entuziasmon ŝi ne havis; simple pro kompato al la lingvo kaj pro la familia honoro ŝi oferis sin.*

*Iun tagon en la esperantista rondo ŝi aŭdis de fraŭlineto, ke pro fianĉiniĝo ŝi devas ĉesigi la korespondadon kun eksterlandanoj. La fianĉa prestiĝo postulas tion. Kion fari? Ŝi ja ne povas oferi ĉion por tiu ĉi movado, tamen ŝi bedaŭras nur unu el siaj korespondantoj, kiu ... Nu, la mildkora heroino pro kompato petis de ŝi lian adreson. Pro kompato al la idealista korespondanto kaj por ne haviĝi falsan ideon pri la nacia karaktero de sia popolo en la animo de eksterlandano. Tiamaniere la sorto renkontigis ŝin al li kaj poste pro kompato ŝi edziniĝis kun la bonvola viro kaj fine pro kompato al la malforta movado ŝi naskis tri fortajn infanojn en rapida sinsekvo por realigi la planon de la edzo.*

*Mi povas aserti, ke Ludoviko, Lazaro kaj la blondhara Klara jam ĉarme kartavas nian lingvon kaj se ne erarigis min la simptomoj, baldaŭ Felikso aŭ Lidia ekzercos la finaĵojn de la substantivo kaj adjektivo »o-a! o-a!« en la verda kaj abunde stelumita vindo kun la brodita surskribo: »La estonto estas nia«. La celkonscia edzo kaj lia mildkora edzineto faris al mi solenan promeson, ke post elĉerpiĝo de la baptonomoj de la Zamenhofa familio sekvos la nomoj de la literaturistoj. Pro celkonscio kaj pro kompato al la graveco de la literaturo originala. De tiam mi konstante kalkulas pri la ŝanco, kioma povas esti mia nomo en la kronologia ordo?*

*Oni multe parolas pri la reorganizo, oni cerbumadas pri la plej ĝusta solvo. Mi memoris pri miaj 100%-e esperantistaj geamikoj kaj mi rekomendas sekvi ilian ekzemplon, sed —* tuj!

*Al kriza drako*
*Surpriza hako:*
*AELA!*



## FILMSTELOJ KAJ ESPERANTO

La demando, ĉu ekzistas filmsteloj parolantaj Esperanton, interesas nin Esperantistojn speciale. Tial ni volas pli ofte aperigi intervjuojn kun konataj filmsteloj, kiujn ni demandos, kion ili pensas pri Esperanto. Ĉu la famo, ke Anny Ondra estas Esperantistino, estas vera, pri tio ni raportos en venonta numero.

Antaŭ kelka tempo mi renkontis filmstelon Betty Amann. Tiu ĉi aktorino havis tre interesan travivajon: ŝi mortis trifoje! En Aprilo de tiu ĉi jaro raportas Berlinaj gazetoj pri la morto de la filmaktorino Betty Amann, la tuta eksterlanda gazetaro transprenas tiun informon. Aperas grandaj nekrologoj kun portretoj de la ŝatata aktorino. Oni memoras bonege ŝiajn grandajn Ufa-filmojn »Asfalton« kaj »La blankan diablon« (kun Mosjoukin), en kiuj ŝi ludis ĉefajn rolojn.

Mi renkontas ŝin nokte, apud la cirko Busch, en la brilego de la grandaj reflektoroj. Multaj jurnalistoj ĉirkaŭsvarmas ŝin. Ŝi havas nun iom da tempo, ĉar nun estas kelkaj scenoj, en kiuj s-ro George (konata el la filmo »Berlin-Alexanderplatz«) ludas sola.

Interparolante ni devas atenti, ĉar jen staras la mikrofono, malantaŭe la granda veturilo kun la sonaparatoj. Kiam venas signalo dufoja, oni devas eksilenti Sole la voĉoj de la aktoroj estas aŭdeblaj en la nokto. Nur post refoja signalo de aŭtomobila sireno oni scias, ke oni rajtas denove paroli.

»Kion vi pensas, kiajn sentojn oni havas, kiam oni sidas vivserene en Londono kaj trinkas sian matenan kafon kaj subite ekvidas en la matenaj jurnaloj sian portreton kun nekrologo? Oni mortis subite kaj tamen povas konstati kun ĝojo, kiel fama kaj ŝatata aktorino oni estis!« rakontas Betty Amann ridante.

»Sed kiel estas eble, ke oni enpresis nekrologojn?« mi demandas.

»Mi mem ne scias precize, kiel la famo pri mia morto naskiĝis,« ŝi respondas, »vojaĝante kun angla filmekspedicio mi efektive malsaniĝis grave je malario en Tripolis. Iu jurnalisto franca aŭ germana, kiu ne scipovis bone la anglan lingvon, miskomprenis mian malsanon kaj raportis, ke mi mortis —«

»Do lingva miskompreno, kiel interese!« mi diras.

»Kaj dume mi filmis tre multe en Anglujo ĉe la British International. La anglan lingvon mi parolas perfekte, kaj estas terure, vi eble rimarkis tion, mi nun havas ioman anglan akcenton en mia germana lingvo.«

»Do vi tute ne estis en Berlino?«

»Mi alvenis de Londono antaŭ kelkaj tagoj, por ludi en ĉi tiea filmo »Schleppzug M 17« (Trenŝipo M 17). Kaj tre interese, la Berlinaj gazetoj dubas pri la identeco de mia persono. Unu jurnalo asertas, ke mi estas falsa Betty Amann, knabino de Hamburgo, tre simila al la mortinta aktorino, kaj ludas rolon de duulino —«

»Do vi mortis la duan fojon,« mi konstatas.

Betty Amann metas la fingron sur la buŝon. Jus la sireno eksonis, la lampoj brilegas, hundego bojas — en la lumkonuso baraktas du viroj — nokta gardisto kun krimulo — ili krias raŭke.

»Mi mortigos vin, hundaĉo... mi mortigos vin, hundaĉo!« krias la unu, dum la alia nur stertoras.

En la paŭzo mi aludas Esperanton.




*Betty Amann kun L. M.*

»Kio ĝi estas? Mi neniam aŭdis pri ĝi —« sonas la respondo de la ridetantaj belaj lipoj.

Mi estas iom konsternita. Ĉu kulpigi tiun aktorinon pri nesufiĉa klereco? Ĉu kulpigi la Esperantistojn pro tio, ke ekzistas ankoraŭ hodiaŭ multegaj, eĉ kleraj homoj, starantaj meze en la vivo, kiuj neniam aŭdis pri ni, neniam, neniam ...? Mi klarigas pri Esperanto rapide, kion mi opinias sciinda. La bela aktorino ne povas kaŝi sian grandegan miron.

»Kaj ĉu ĝi estas facila lingvo?« ŝi demandas.

»Tre. Mi diros al vi frazon en Esperanto, kiun vi tuj komprenos: Blonda knabo trinkas varman kafon!« mi respondas kun amuzo.

Ŝi ekridas: »Nun vi volas moki min! Montru al mi tuj Esperantan gazeton!«

Mi montras al ŝi numeron de »Literatura Mondo«, la afero komencas interesi ŝin pli kaj pli. Ankaŭ aliaj jurnalistoj ekinteresiĝas. Mi denove sentas min en la rolo de propagandisto. Al kiom da miloj mi jam parolis pri Esperanto! Sed eĉ inter la jurnalistoj estas kelkaj, kies eraran kaj fuŝan opinion mi devas ĝustigi. En tiu ĉi laboro helpas min mia kolego-amiko D-ro Lohmeyer, kiu fariĝis eminenta pioniro de nia afero en la filmmedio.

La ĉarma Betty nun devas eklabori. Kaj kia stranga hazardo: hodiaŭ ŝi mortos efektive! Heinrich George, la ŝipisto, kiu posedas grandan trenŝipon, feliĉe vivis kun sia familio. Sed al la granda urbo, en kiun li veturis, venis la bela logantino, jetis siajn erotikajn retojn kaj detruis lian familian harmonion. Kaj pro tio ŝi devas morti. La ŝipisto jetas ŝin en la nigran akvaron de la Spree-rivero. Tiel deziras la fantazi-plena aŭtoro de la filmo.

Do, hodiaŭ ŝi mortos la trian fojon, sed Betty Amann ridetas: »Proverbo diras, ke tiu kiun oni mortskribas, vivas duoble longe.«

»Tion ankaŭ mi esperas,« mi respondas, »ĉar vi ja devas ankoraŭ lerni Esperanton, kiam ni faros la unuan grandan filmon kun Esperantlingvaj dialogoj!...«

En tiu momento eksirenis. Betty Amann paŝis en la lumkonuson. Iu staris antaŭ la aparato kun nigra tabulo, sur kiu estis skribita per kreto la numero de la sceno. Li diris laŭte kaj klare: »Sceno cent kvardek ok kaj naŭ...«

Mia intervjuo kun Betty Amann estis finita.

*F.*

*En la kriza epoko*
*Jen deviza alvoko*
*Ribela:*
*Librojn legi' necesas,*
*Eldonegi ne ĉesas*
*AELA!*

# KION NI FARIS EN PARIZO?

*Ĉu ni fondos Esperantan Filmkompanion?*

Dum la Internacia Esperanto-Kongreso okazis en Parizo la unua Fakkunsido de Filmistoj. Venis ĉirkaŭ 80 personoj, inter ili diversaj de la filmo. La kunvenon malfermis la iniciatinto s-ro Jean Forge, kiu jam de jaroj laboras en la Berlina filmbranĉo kiel dramaturgo. Li proponis elekti gvidanton de la kunveno kaj sekretarion. Gvidanto restis s-ro Forge, sekretario estis la franca filmaktoro Marc Darnault. La gvidanto en pli longa parolado skizis la situacion en jena maniero:

Depost kiam venis la sonanta kaj parolanta filmo, la demando pri la internacia helplingvo fariĝis tre aktuala, pli aktuala ol en la Radio-branĉo. La fakaj gazetoj tre multe citis Esperanton en la komenco, kiam la ekparolo de la filmo evidentigis la grandajn malfacilojn, kiujn la multlingveco de la mondo signifas al tia internacia entrepreno, kia estas la filmproduktado. Estas bedaŭrinde ke ne trovis sin en tiu momento energiaj homoj, kiuj tiam komencus la produktadon de Esperantaj sonfilmoj. Kaj estas bedaŭrinde ke la Esperantistoj ankoraŭ nun ne priatentas tiun urĝan kaj plej aktualan demandon, kiu okupas ĉiutage la cerbojn de la filmfabrikantoj de la tuta mondo.

La filmo estas la plej grava kaj moderna rimedo por esprimi homan penson kaj senton de nacio al nacio. Esperanto estas la lingvo de la filmo. La ĝisnunaj klopodoj sur tiu ĉi kampo estas tute senrezultaj. Kial? Ĉar la filmistoj, la potencaj filmfirmoj nenion scias pri nia ekzisto. Tial ni proponu al la Kongreso, ke ĝi per manifesta publika skribaĵo atentigu ĉiujn filmfabrikantojn, fakajn organizaĵojn kaj gazetojn en la tuta mondo pri la filmlingvo Esperanto.





*Lilian Harvey.*

Post tio la parolanto laŭtlegas rezolucion transdonotan por aprobo en la ferma kunsido al la Kongreso. La parolado, kiu enhavis ĉion, kio rilatis la ĝisnunajn klopodojn sur la kampo de la filmo, vekis grandan eĥon inter la aŭskultantoj.

S-ro Darnault en pli longa parolado alvokis ĉiujn Esperantistojn al aktiva kunlaboro kaj proponis la fondon de la unua internacia filmkompanio, kiu per la kapitalo de la Esperantistoj komencus produkti Esperantlingvajn filmojn.

En la vigla diskuto partoprenas tre multaj personoj, i. a. D-ro Fulda el Berlino. Li diras, ke laŭ lia opinio la projekto de Esperanta filmkompanio estas absolute realigebla. Fakuloj kompreneble devas estri. Li tre subtenas la ideon produkti mallongan filmon, kiu montrus la Cseh-metodon.

*Kelkuloj miras: Donaco!*
*Kalkuloj diras: Sagaco!*
*AELA!*

S-ro Forge diras, ke li havas en Berlino seriozan firmon, kiu tre interesiĝas pri Esperanto kaj kun financa helpo de la Esperantistoj estus preta fari apud la germana originalo ankaŭ Esperantlingvan varianton. Laŭ li estus rekomendinde kolekti kapitalon por akcia societo, kiu certe prosperus. Mankas nur la praktikaj fakuloj-Esperantistoj.

D-ro Fulda promesas kiel unua enmeti en tiun fondotan societon kapitalon de 10.000.— fr. frankoj. Brua aplaŭdo. Aliaj parolantoj promesas pli malpli altajn sumojn.

La kunveno devas esti fermata pro malfrua horo. Ĉiuj ĉeestantoj interkonsentas pri tio, ke s-ro Forge plu ellaboru la projekton de Esperanta filmkompanio. Eble en Kolonjo jam estos konkretaj proponoj.

*M. D.*

*Por etkvanta monsumeto*
*Pleniĝanta librobreto!*
*AELA!*



# OBSERVO

JELUŜIĈ: CEZARO.

Iu civilizo, popolo, jarcento estas fakte nenio alia ol difinoj, evoluantaj — spirale — supren. Kaj la homo, laŭ la filozofia kriterio, estas nur teoremo, glitanta la saman vojon.

La ĉefdifinoj, kiuj barakte luktas tra la lastaj du jarmiloj, povus enpremiĝi en du akrakonturaj terminoj: individuo — kolektivo.

Plej kruela duelo inter individuo kaj kolektivo daŭras senĉese tra la homa historio, arangas impete konfliktojn en la politika, ekonomia kaj kultura arenoj. Ankaŭ la hodiaŭan sennombron de la ĉiaspecaj krizoj kaŭzis furiozaj interatakoj de tiuj du principoj. Dume la »homojunuopuloj« estas kondamnitaj: atendi kalkanside kun tremangoro la solvon, farotan de la historia ritmo...

Ĉu la spiritaj agordoj de la apartaj generacioj respeguliĝas ankaŭ en iliaj aktualaj literaturoj? Ni tuj respondu — ignorante la profesorajn difinojn — ke la literaturo estas ja nenio alia ol enketo pri la homo baraktanta certamomente en la propra medio.

Neniu do el ni miras, ke ankaŭ la konvulsioj de la hodiaŭa homamaso flambrile reflektiĝas — kvankam multvarie — en la nuntempa literaturo. Verserĉemaj genioj de l' artistoj abunde disŝprucigas galsaturitajn analizojn de l' nuna epoko, klopodante en la spirita ventokirlo trovi firman bazon por la luma baldaŭtempo.

Sed la arto denaskiĝe ŝatis tendencojn, kiuj, pristrabataj elflanke, ŝajnas plej paradoksaj. Ankaŭ hodiaŭ, kiam la kolektivismo, dank' al la moderna socia mondrigardo, triumfe jubilas sian venkon, en la literaturo jus disfloris branĉeto de la biografiaj romanoj. Plej sukaj floroj de la individualisma mondkoncepto en multkolora riĉo: de la facilrakonta biografio ĝis la plej pedanta historia kroniko.

Estas sendube multe da romantikeco en ĉi tiu revivigo de la kulto, adoranta la »individuojn-heroojn«. Kvankam sonoras banale, tamen ni diru, ke tio probable estas spiroraba rifuĝo el la griza, korĉifa ĉiutago en la mirlandon de la fantazio, nur intuicie percepteblan. Oni kvazaŭ sentas konsolon kaj inspiron ĉe la grandioze skulptitaj monumentoj de herooj, impone elstarantaj el mezo de la ordinaruloj...

*

La biografioj en la lasta jardeko imprese plimultiĝis, liverante ofte al siaj aŭtoroj belan honorarion. Jen, inter la germanoj Emil Ludwig per siaj biografioj de Napoleono, Kristo, Bismarck, Wilhelmo II gajnis milionojn. Eĉ en Rusujo, kiu admire incensas al la kolektivismo, eliris tuta serio de la biografiaj romanoj. Iom paradokse...

En tiu inundo de la biografioj pri krurosveltaj amvendistinoj kaj pli-malpli miopaj ŝtatistoj, troviĝas multaj, kiujn tuj post eliro ekkovras rustopolvo de l' forgeso. Sed estas ankaŭ kelkaj, kiuj sin prezentas kiel perfektaj, profundsencaj artaĵoj, inspirantaj multajn legantojn.

Du verkoj, elfluintaj antaŭ nelonge el geniaj plumoj de André Maurois kaj Mirko Jelušić, donis sensaciojn. De la unua: Disraelli, de la dua: Cezaro. Kvankam laŭ verkmaniero la verkoj akre diferencas, tamen iliaj ideobazoj estas tre parencaj.

La iama roma imperio estas pratipo de la individualismo. Poste kreiĝis, kvazaŭ herede, la brita imperio, tiu admirinda unikaĵo de la historio. Kaj interese ankaŭ ĝi fariĝis plej elstara bastiono de la individualismo. La du supre menciitaj verkoj konturante eble la plej grandajn ŝtatistojn de la du politike plenmaturaj rasoj, estas atentabsorbaj dokumentoj pri la homa evoluo. Ili provas montri, kiom la homo kiel politikisto kaj ŝtatisto, pli vere: kiel politika kaj ŝtateca teoremoj, sukcesis progrese sin levi supren.

*

Kiam eliris »Cezaro«, la tutmonda kritiko, eĉ tiu — ofte iom petola — de Ameriko, tuj aklamis ĝin kiel unu el la plej sensaciaj »romano-biografioj«, iam ajn verkitaj. En sole du jaroj eliris dudek germanaj eldonoj kaj krome ĝi estis tradukata en multajn gravajn lingvojn de la mondo.

Jelušić sukcesis verki grandiozan libron el malfacila kaj tempofora materialo. La libro estas mirige plastika, okazoturna kvazaŭ plej aventura filmo kaj krome tre ofte profunda kiel la abismaj paĝoj de Dostojevski. Plena de plej subtilaj »agordoj« la libro genie kreas la psikan memon de Cezaro, ŝajne unu el la plej rimarkindaj pilotoj de la homara sorto.

La titana figuro de Cezaro estis jam antaŭ jarcentoj vivblovita de l' »avona cigno«, de Shakespeare. Sed estas tre granda diferenco inter tiuj du figuroj. Shakespeare sonigante lastajn vivakordojn de Cezaro pentras lin per tre palaj, polvaj koloroj, reliefigante apud li la prometean personecon de Marko Bruto. Al tiu lasta, lia paletro donas plej vivajn tonojn, tutan riĉon de siaj plej belaj nuancoj, kiuj plene ombrokovras Cezaron.

Strange, sub la peniko de Shakespeare Cezaro montriĝas korpa, ankaŭ morala kriplulo, taŭganta pli por komedio ol por tremiga tragedio. Tiu Cezaro suferas ne nur pro epilepsio (kion cetere kelkaj asertas kiel fakton), sed estas ankaŭ duonsurda, negre superstiĉa, fanfaronema timemulo... Tia Cezaro, kompreneble, povas esti nur pulĉinele puŝata de la okazoj kaj neniel memkree aktiva! Kiu do miros, ke sian Cezaron Shakespeare mortponardas jam en tria akto estante satlaca por lin ŝnurtiri ĝis la kvina...!

Kaj vere la sento, kiun en ni vekas Cezaro de Shakespeare estas komponaĵo el kompato kaj indigno. Ni ne povas kompreni, ke tia etmensulo supervenkis la tutan mondimperion, kroninte sian kapon per nevelkontaj laŭroj de l' gloro...

Jelušić bildas Cezaron alie, pli fidele al la historio. Li ellaboris lian gigantan personecon, figurante neforgeseblan la cezaran volpovon, el kiu abunde fontis dinamiko, propraplaĉe knedanta la historian ritmon. Ĉipaĝe Cezaro estas nur ag-impulso, vol-apliko kaj nenia medio aŭ turbo, laŭvole turnata de la eksteraj cirkonstancoj. Cezaro de Jelušić estas potenca aganto, eĉ pli — la majesta kreanto de la tuthoma historio! Kaj, dum ĉe Shakespeare la tragika pereo de Cezaro estas motivata per eksteraj konfliktoj de la monarĥisma koncepto kontraŭ la respublikanisma, aŭ pli ĝuste: de la tiraneco kontraŭ la libereco, ĉe Jelušić tiu pereo estas natura konsekvenco de la spirita langvoriĝo, post kiam Cezaro, atinginte siajn idealojn, konvinkiĝis, ke ili estas nur ĥimero. En la lastaj ĉapitroj en grandioza simfonio bruakordas la temo: vantaĵo de vantaĵoj...

Aparte oni devas substreki, ke Jelušić majstre prezentis la antikvan medion de la roma imperio, la karakterizojn de la tiamaj gvidantoj-luktantoj, precipe de Sulo, Mario, Cicero, Kato, Kraso, Pompeo, Antonio, Cino, Bruto, Kleopatra k. t. p. Tuta galerio de la vivaj, nerve moviĝemaj tipoj, kiujn ambicioj puŝis al la plej subtilaj kaj rafinitaj intrigoj. Kaj super ili ĉiuj flugŝvebas la agla genio de Cezaro, implikante kaj distordante fadenojn de la tiama mondpolitiko. Oni devas konfesi, ke Jelušić suverenas la tutan epokon miraklolerte. Li ne uzas »vervain« sentencojn, kiujn ni en la lernejo bekmanĝis kiel altan spritecon: »Alea jacta est«, »Aut Caesar aut nihil« k. t. p. Tiaj banalaĵoj forestas, sed anstataŭ ili Jelušić sciis doni pli senafektajn kaj impresajn parolturnojn...

Ĉiu verko estas realo plus intuicio. La realo en nia romano estas grandioza, sed verfidela. Kaj la intuicio estas ĝuste tio, kio donis al la romano la kvaliton de majstroverko. Estas interese, ke multaj kritikistoj asertas, ke ĉirilate la aŭtoro ne sukcesas kaŝi sian slavan animon. En la tuta personeco de Cezaro — laŭ ili — pulsas filozofio, alnaskita nur al slavoj. Precipe montriĝas tiuj trajtoj ĉe la fino de la libro, kiam la ambicio de Cezaro

elsuferis plej akran krizon kaj lia spirita memo langvorigas. Eble ĝuste pro sia aparta, kvazaŭ tiu de Dostojevski, vivfilozofio, lia Cezaro estas alia: pli homa, pli natura kaj ĉefe pli giganta ol ĉe Shakespeare.

Kiam Cezaro estas ĉe l' apogeo de sia potenco, lia spirito en febra konvulsio jene filozofas:

... »La tutan vivon mi nur erarvagis, senĉese erarvagis. Dum la tuta vivo mi aspiris idealojn, sed atinginte mi ekkonis, ke ili estas falsaj... Por kio utilas miaj klopodoj, por kio mia senripoza agado, por kio tiu senlima cerbopeno, zorgoj kaj interpacigoj, kiuj antaŭtempe min maljunigis kaj elĉerpis?... Memoru, ho Antonio: donu al la homoj ĉion, kion vi havas, tranĉu viajn vejnojn kaj donacu al ili sangon de via koro, tamen vi ne ŝanĝos ilin eĉ plej ete! Meze de ĉio nova ili restos ĉiam la samaj. Ĉio vana! Ĉio vana!...«

Ĉu tiuj ĉi vortoj, flustrataj tradente, ne estas jam delirado de agonianto, antaŭ ol lin morttrafis la ponardo de Bruto...?

Kiam eliris la romano, naskiĝis tre interesa diskuto. La originalo estas verkita en la germana lingvo, ĉar la aŭtoro vivas en Vieno, sed samtempe li sin sentas kaj proklamas kroato. Ĉu la verko do apartenas al la germana aŭ kroata literaturo?

Estis donitaj interesaj argumentoj por ambaŭ vidpunktoj. Sed ĉu fakte tiom gravas la lingvo de la originalo? Ĉu D' Annunzio apartenas al la franca literaturo, ĉar li verkis ankaŭ france? Aŭ eble pli gravas aliaj kvalitoj, kiuj karakterizas la aŭtoron?!

*Ivo Rotkvić.*

## FREDERIKO VAN EEDEN †.



Van Eeden, nederlanda aŭtoro de unua rango, el kies verkoj aperis tradukoj en Esperanto kaj en la germana, angla, franca, itala, sveda, dana, ĉeha kaj rusa lingvoj, sendube meritas nekrologon en Literatura Mondo. Estus neeble pritrakti en konciza artikolo la multflankajn laborojn de la aŭtoro, do mi devas min limigi je lia literatura kariero, post kiam mi estos doninta kelkajn detalojn el lia vivo.

Frederiko van Eeden naskiĝis la 3-an de aprilo 1860, kiel filo de florkulturisto en regiono apuda al Haarlem. Ĉi tiu urbo situas proksime al la dunorando de la Norda Maro, kaj evidente la duno-naturaj »pentrajoj« el la ĉefa verko de Van Eeden, »La malgranda Johano«, estas la rememoroj de la eta Frederiko, kiu kun sia patro jam frue ekamis la naturan belecon ĉirkaŭ si. Verdire, lia patro ne amis la florkulturadon, sed lin allogis la pristudado de la plantoj. Kaj kiam la patro faris siajn botanikajn esplorekskursojn, tre ofte lin akompanis la revema filo. Cetere la patro okupis sin verkante librojn pri botaniko kaj filozofio.

Intence mi donas ĉi tiujn detalojn el la vivo de la patro, ĉar en ili ni ekvidas bazon por la posta disvolviĝo de la filo. Ke ankaŭ la mortinta aŭtoro origine estis filozofo, ja preskaŭ ĉiu scias; ke li ankaŭ amis la naturon... pri tio oni nur legu liajn verkojn.

Pri la junaĝo de Van Eeden mi povas esti konciza. Kiel ofte talentajn infanojn, liaj kamaradoj lin tre amis, sed tio ne tuŝis Frederikon supermezure. Lia filozofema patro kompreneble ne tre edukis lin en la religio, sed, ĉar lia patrino estis filino de protestanta pastro, la gepatroj lasis lin, laŭ la kutimo de tiuj tagoj, sekvi la kateĥizadon. Tamen, kiam Van Eeden atingis la aĝon por esti konfirmata (kio okazas en la nederlanda protestanta eklezio ĉirkaŭ la 20-a jaro), Frederiko rifuzis aliĝi al la nomita eklezio. Tio montras, ke lia religia edukado ne estis tre profunda, aŭ pli vere, ĝi estis iom libera.

En 1878 Van Eeden iris al Amsterdam por studi en la tiea universitato la medicinon. Eble oni miras, ke la literaturisto studis natursciencojn, kaj ne beletristikon. Nu, tiun ĉi studon li ne tre ŝatis. »La laborado de kuracisto ne ĉiam estas altnivela«, li poste skribis. »Neniu studento finas la promenadon tra la hospitaloj kaj sekcejoj, ne perdante iom el siaj plej bonaj kvalitoj. Li suferas procezon de stultigo, de bestiĝo, kio estas necesa por igi lin daŭrigi siajn laborojn, sed kio morale malpuriga lin.«

Malgraŭ ĉi tiu malamo, li finis sian studadon kaj en la aprilo de 1886 li promociiĝis doktoro medicina per disertacio »La artefarita nutrado dum tuberkulozo«.

En Parizo, kien li iris dum sia studado, li aŭskultis la prelegojn de Charcot pri hipnotismo kaj sugestio, kiuj trafis lin tiamaniere, ke li decidis, pli funde esplori tiun ĉi kampon. Tion li faris en Nancy sub gvidado de Liébault, kaj tie li ankaŭ fariĝis adepto de la psiko-terapio. Reveninte en Nederlandon, li ankoraŭ unu jaron praktikas en malgranda urbo, Bussum, sed en 1888 li fondas kune kun sia kolego doktoro Van Renterghem, psikoterapian klinikon en Amsterdam. Tie li restas 7 jarojn, sed pro malamo al la urba vivado, li reiras al Bussum kiel ordinara kuracisto.

Ĉirkaŭ 1900 Van Eeden komencas realigi siajn socialajn ideojn, provante, laŭ ekzemplo de Thoreau, la »enlandan koloniigon«, kio tute malprosperis.

Lia facile movata sentimento kaj lia maltrankvila animo pelis lin en multajn direktojn. Van Eeden ne povis sin limigi je certa tereno de la spirita vivo, nur malofte li restis fidela al fiksita vidpunkto, trovante post longa pripensado ĝian neteneblecon. Li ne rigardis la mondon ĉiam de la sama flanko, sed ofte translokis sin, kaj tiel, pasie konfesante, sed poste same malkonfesante, lia spirito fariĝis vagulo; tiel liaj samideanoj poste fariĝis liaj kontraŭuloj; ĝis kiam, al lia maltrankvila vagado de animo kaj spirito, al liaj sopirado kaj hezitado inter konfeso kaj malkonfeso, malfermis sian sinon la Sankta Katolika Eklezio, kie li povis forjeti ĉiujn konfliktojn de la mondo. Je la 22-a de februaro 1922 Van Eeden eniris la Katolikan Eklezion.

Al Van Eeden la poeteco estis etika kaj sociala funkcio, li malakceptis la »arton pro la arto«. Tia ankaŭ aperas en 1885 »La malgranda Johano«, kiu en fabela formo pritraktas la psike-filozofian disvolviĝon de sentema knabo tre riĉfantazia kaj amanta la naturon, de junulo, kiu trovis sian vivcelon en la levado de »la homaro kun ĉiu ĝia«. Nur poste (1905/06) aperis la 2-a kaj 3-a volumoj de ĉi tiu verko.

Same ankaŭ liaj unuaj poemoj ne estas lirika elverŝo de l' koro. La poemo, kiu malfermas lian unuan poemkolekton: »Kelkaj Poemoj« (1898), estas »La Akvolilio«, kaj ties bildo: la blanka floro, kiu el la malluma lagofundo kreskas al la lumo kaj tiam sendezire, blanka kaj kvieta, ripozas sur la akvospegulo, sendube estas simbola. La akvolilio fariĝis la simbolo de Van Eeden kaj li presigis ĝin vinjeto sur ĉiujn siajn verkojn. Multaj ili estas, liaj verkoj, kaj kvankam, precipe lian poezion, malklarigas la religiaj aŭ etikaj tendencoj, oni malgraŭ ĉio ĉi facile trovas fragmentojn de belega pureco, atestantaj pri lia tre granda spirita vasteco kaj donontaj al li lokon inter la plej grandaj poetoj el lia tempo.

Longtempe Van Eeden suferis korpan kadukiĝon, ĝis la morto, pri kiu li skribis tiel ofte, kiun li atendis jam delonge, liberigis lin de la teraj katenoj kaj Van Eeden endormiĝis (16. junio 1932).

*Joh. Hartog.*

LA HEJMENIRO DE CASANOVA. (Laŭ duonoficialaj sciigoj, oni nun preparas la hejmenporton de la teraj restajoj de *Casanova* el Ĉehoslovakio en Venezion.) Ĉi tiu titolo estas plagiato, el teatrajo de la maljuna Arthur *Schnitzler*. Delikata, saĝa, ofte profunda estis tiu ĉi teatrajo. En multaj direktoj ĝi redonis la reputacion al la multe kalumniita figuro de Casanova. Sed eĉ Schnitzler neniam pensis pri tio, ke Casanova, kiel nacia heroo, reiros hejmen en sian naskurbon. El la malgranda kampa urbo *Dux*.




*Titolpaĝprojekto I.*

Casanova venis ĉi tien en sia sesdeka jaro, kiel falinta »*Don Juan*« kaj kiel bibliotekisto de grafo *Waldstein*. La lastaj dek tri jaroj de lia vivo pasis en la soleco de la Duxa biblioteko. Casanova kiel bibliotekisto... En Dux mortis Casanova, atinginte sian sepdek-kvaran jaron kaj de tie ĉi nun oni volas triumfe hejmenporti liajn cindrojn. Kiel tiun de granda nacia mortinto. Dum ja Hispanujo ne retrovis la teran restajon de Don *Juan Tenorio*.

*Mil kaj tri virinoj*... Jen la nombro de la viktimoj de Don Juan, laŭ la tradicioj. Sed krom la preciza cifero de *mil kaj tri* ni havas nenian aŭtentikan noton pri tio, ĉu vere vivis Don Juan kaj tiu certa Sevila guberniestro, kun kiu skermis Don Juan sian faman duelon. Se Don Juan vivis kaj konkeris, li devis vivi en la dua duono de la XIV.-a centjaro. Proporcie eĉ ne antaŭ longe. Sed la historiaj spuroj estas amorfaj kaj necertaj. *Corneille* kaj *Molière*, *Goldoni* kaj *Mozart*, *Gluck* kaj lordo *Byron*, *Lenau*, *Zorilla*, *Heyse*, kaj antaŭhieraŭ *Shaw* — jen mallonga, fragmenta kolekto de nomoj, kiuj promociis sceneja, eĉ ofte tragika heroo la figuron de Don Juan. Tre imponis tiuj certaj 1003 virinoj. Kvankam se ni dividas ĉi tiun ciferon per 30 jaroj, *ni ne ricevas eĉ 3 por unu monato*. Tri por monato? Ĉi tio povis esti bela rekordo tiam. Sed hodiaŭ? Hodiaŭ la tuto estas demando de iom da burĝa diligento, iom da burĝa bonhavo, iom da persisto. Se iu nepre celas superi rekordon sur tiu ĉi kampo.

Cetere ne nur pro tiuj certaj 1003 virinoj fariĝis Don Juan simbolo kaj legendo. Kaj ankaŭ Casanova, la heroo de kelkaj centoj da efemeraj am-aventuroj.

Domaĝe fari la demandon: kiom estas vera, kiom ne vera el tiuj dekdu volumoj, en kiuj *Giovanni Jacopo Casanova de Seingalt* rakontas la historion de siaj amaj aventuroj. (*Chevalier de Seingalt:* en Konstantinoplo, Londono, Berlino, Parizo, Sanktpeterburgo, Madrido, Varsovio, — oni konis lin pleje laŭ tiu ĉi nomo. Ĉar sufiĉe multloke akiris vastan konatecan rondon tiu ĉi Venezia — *ĉarlatano*.) Li estis soldato, violonartisto, mirakla kuracisto, akiris grandan riĉecon kiel loteri-direktoro, prezentis sin kelkfoje kiel ĵonglisto, Frederiko la Granda volis lin elekti profesoro por la prusa soldata akademio, oni neniam kontestis lian verkistan talenton, ofte kaj ne en unu lando oni konsideris liajn politikajn konsilojn... Sekve li estis *iu*. Malgraŭ tuta lia nefidebleco, tuta lia ĉarlataneco, li estis iu. Sendepende de tio, ĉu li troigis la nombron de siaj am-aventuroj, aŭ ne. Kaj eĉ se li troigis (verŝajne multe, eĉ tre multe), almenaŭ en modesta tono li troigis siajn sukcesojn ĉe la virinoj. Tre malofte li fanfaronis: jen kiel grandioza viro mi estas... Prefere li parolis pri tio: jen kiel malfortaj, pekemaj estas la virinoj. Aŭ almenaŭ tiu parto de la virinoj, kiu »servis« kavaliron Casanova.

Kaj verki li sciis. Vere kaj perfekte. Simple kaj karese. Kolore kaj interese. Verŝajne tre multloke mensogas la memorskriboj. Tamen — ili estas profunde veraj. El kvin am-aventuroj eble nur unu travivis Casanova. Aŭ eĉ ne unu. Sed ĉiu ama aventuro entenas psikologian kaj fiziologian probablon. Eĉ trans la bravaĵo de la rakonta maniero. Sekve Casanova estis ne sole genia ĉarlatano. Antaŭ ol fermis lin Venezio en la plumbokamerojn, kaj post ol li saviĝis el la plumbokameroj. Sed krom la ĉarlatana genio li havis tute altkvalitan verkistan talenton. Sendepende de tio: kiu el liaj amaj aventuroj estas aŭtentika kaj kiu la ludo de l' fantazio. Eĉ, eble la eltrovitaj am-aventuroj estas — *pli veraj*, ol tiuj, kiuj efektive okazis.

Jen spiono, jen mirakla kuracisto. Jen skermomajstro, jen financa fakulo. Jen scienculo, jen violonartisto... Sufiĉe interesa estas la kariero de Casanova. Li ofte trompis, multe mensogis. Sed neniam li trompis, kiam li prenis plumon en la manon. Kaj tiam li trovis la plej grandajn verojn, kiam li kredis: ke nun li skribas la plej grandajn mensogojn.

*K. B.*

(X.) SUKCESO DE BONA TEATRAĴO. Post la amerikaj scenejoj nun en Londona teatro oni prezentas kun granda sukceso la novan teatraĵon de *Elmer Rice*, kies titolo estas: *La maldekstra bordo*. Tiu ĉi delikata kaj interesa amerika verkisto ekparolas, oni povas diri, alivoĉe en ĉiu sia teatraĵo. Post la simbolisma tragikomedio de la *Kalkulmaŝino*, la kruda realismo de la *Strata sceno*, la ekspresionismo de l' *Subtera tramo* kaj la kruela Newyorka mediodesegno de la *Advokato* nun li verkis tipan »intelektulan« teatraĵon. La maldekstra bordo, pri kiu temas en la teatraĵo, estas la maldekstra bordo de Parizo. En malgranda hotelo okazas la teatraĵo en Montparnasse-a kvartalo, la rolantoj estas amerikaj artistoj, intelektuloj kaj snoboj. Liaj spritaj dialogoj, kun mallaŭta ironio, estas ofte tiaj, kvazaŭ la herooj de la romanoj de *Aldous Huxley* estus amerikaniĝintaj kaj babiladus en Pariza hotelĉambro. La teatraĵo estas tipa kazo de tio, kiam la centprocente intelekta verkisto ribelas kontraŭ la intelektismo. Estas eble vivi ankaŭ ne en Parizo, — diras la verkisto — estas eble edukiĝi la infan-




*Titolpaĝprojekto II.*

ojn ankaŭ ne en psiĥoanalitika sanatorio, estas eble vivi ankaŭ simplan ĉiutagan vivon. Strange estas en la tuta afero nur, ke ankaŭ tia teatraĵo, konsistanta el nuraj subtilaj, facilaj meditoj kaj altnivelaj diskutoj, povis rikolti grandan sukceson en la teatroj de Ameriko kaj Britujo. La kaŭzo estas verŝajne ne nur tio, ke Rice brile konas la scenejon kaj scias esti amuza eĉ kiam li diras la plej altnivelajn aferojn. La ĝenerala okcident-eŭropa sukceso de tiu ĉi kaj de la similaj pensigaj intelektaj teatraĵoj povas esti klarigebla per tio, ke la publikon jam tedas la malkara kiĉo, aŭ almenaŭ ĝi ne serĉas ĝin en la teatro. Foje *André Gide* skribis, ke la kino la literaturon liberigas de la taskoj de l' foira literaturo. Kaj efektive, kiu ŝatas la tro akve diluitajn amajn pseŭdoproblemojn kaj la sentimentalajn aŭ pikantajn okazaĵojn, tiu trovas ilin en la kino, kie oni estas multe pli kompetenta pri tiaj aferoj, ol sur la scenejo. La scenejo nun jam povus rezervi la lokon por la vere homaj aferoj, la gravegaj vivproblemoj kaj por la ne marĉandema arto. Ŝajnas ke la teatro jam komencas rekoni multloke ĉi tiun novan taskon.

# RECENZO



KALOCSAY—WARINGHIEN: Parnasa Gvidlibro. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 176 paĝoj Prezo: broŝ. 0.70, bind. 1.— dolaro.

Kiam kunagas du eminentaj kapoj, kiaj estas Kalocsay kaj Waringhien, por verki sur kampo, kiun ili ĉiutage kulturas — ĉu iu dubos, ke rezultos io atentinda? Nu, la jus eldonita Parnasa Gvidlibro de la du aŭtoroj, per kiu bonhumore ili promesas doni la rimedojn al ĉiu, por fariĝi poeto — tiu libro meritas la atenton de l' esperantistoj, ne nur de la verkantaj, sed ankaŭ de la legantaj. Ĝi meritas tiun atenton malgraŭ aŭ ĝuste pro la kontraŭaj opinioj, kiujn eble kelkaj havos pri tiu aŭ tiu ĉapitro. Mi konfesas, ke dum studado de la verketo maltrankvilo kaj zorgo kaptis min. Tamen, petita de la eldonejo, »plene kaj tute sincere« diri mian opinion, mi skribas ĉi tiun recenzon — lojale, sed ne kun serena animo.

La pripoezian prelegaron antaŭparolas Kalocsay per balado, en kiu li akcentas la celon de la libro: »Ni donas ĉion krom genio« — poemo majstra laŭ la formo, klara, bonhumora, apartenanta al la plej bonaj strofoj de l poeto.

Sekvas »Skizo de la Esperanta Metriko«, de G. Waringhien verkita lerte, elfundamente, detala kaj sistema studaĵo pri la interesa temo. En 54 paragrafoj la aŭtoro diras multon utilan pri akcento, verspiedoj, versformoj kaj strofoj. Kelkfoje mi sentis min iom frapita, ekz. (§ 4) ke en la frazo: »Mi ne volas« la »ne« devas esti neakcentita. Nu, tio estas malgravaĵoj. Sed se la aŭtoro, »ĝuante la modernajn liberojn« (nome stumblon kaj gliton) transformas la versojn de Zamenhof:

> La diojn mi ne juĝas; tamen vere
> plendinda estas stato de virino

jene:

> Diojn mi ja ne juĝas; tamen vere
> plendinda estas la stat' de virino

tiam mia germana sento por versmuziko ribelas kaj ĵetas al la diablo tian stumbladon kaj reiras al la majstro.

Ne malgrava estas ankaŭ la fakto, ke W. traktas nur pri *parolataj* versoj. Se lian teorion oni volas uzi por *kantataj* strofoj, ĝi ne ĉiuloke taŭgas. Ekz. (§ 14) en la traduko de Zamenhof:

> Supre staras sur la monto / la silenta kapeleto;
> en la valo, ĉe la fonto / ĝoje kantas paŝtisteto

la silaboj »la« kaj »ĝo-« (komence de la dua kaj de la kvara verso) laŭ W. »havas malĉefan akcenton, kiu povas malfortiĝi aŭ tute malaperi«. Sed la melodio metas la ĉefajn akcentojn ĝuste sur tiujn du silabojn. (Cetere tiuj strofoj de Zamenhof, kiel ankaŭ aliaj, ne estas kanteblaj laŭ la melodio, ĉar ili havas troajn silabojn).

Post tiu laŭnature iom seka traktaĵo sekvas la sprita »Arto Poetika« de Kalocsay, versforma, eleganta, okaze sarkasma, ĉiam trafa kaj klarvida. K. en amuza formo ripetas parte la enhavon de la antaŭa artikolo kaj aldonas la plej gravajn principojn pri elekto de la poeziaj objektoj, pri stilo, epitetoj, komparo, apostrofado, hiato, licencoj ktp. Li uzas por tiu poezia prelego la fluan, por Esperanto speciale konvenan kvinjamban verson kun ina finiĝo. Bedaŭrinde mankas — en la eseo de W. tute, ĉe K. preskaŭ tute — pritrakto de unu el la fundamentaj malfacilaĵoj en la Esperanta poezio: la problemo de l' viraj versfinaĵoj. Ili estas necesaj tiel por vivigi la originalajn poemojn kiel por ĝuste traduki multajn naciajn ritmojn. Sed por vire fini verson, ni povas pro la konstruo de Esperanto meti finloken nur unu el la malmultaj unusilabaj vortoj (kiuj krome portas neniam la ĉefan sencon de la frazo) aŭ apostrofitan substantivon. Jen unu el la faktoj, kial Esperanto ne estas predestinita verslingvo.

Studante pli detale la rimedojn, kiuj faras la versojn de K. tiel fluaj kaj glataj, oni rimarkas kun miro, ke la belaj formoj, la vortoj vigle plaŭdantaj kaj donantaj simplan komprenon — ke ili iam kaj iam kaŝas difektetojn de la lingva ĝusteco! Tio okazas ankaŭ en naciaj literaturoj; sed estas certaj limoj; kaj en Esperanto — kiel artefarita kaj nun ankoraŭ ĉefe skribata kaj legata lingvo — ili devas esti kiel eble plej malvastaj. Oni legu ekz. jenajn citaĵojn (kelkaj ankaŭ el la teksto de W.): tiom da torento, traponti la astrojn, kuri post fantomon, taski ŝarĝon al la cerbo, bruli en kaŝo, duopu, mankaj (t. e. malperfektaj) rimoj; oni trovas: apostrofa (anstataŭ apostrofita) artikolo, neakcenta (anstataŭ neakcentita aŭ senakcenta) rimo, kvinjambo (anstataŭ jambokvino), fluido (anstataŭ fluidaĵo). La interesa kaj utila diferenco inter *krom* kaj *escepte* de estas neatentata (krom estas unusilaba!); la transitiva vorto »hoki« estas intransitive uzata ktp. Jam antaŭe K. juĝas tiujn kritikulojn, kiuj volas gardi »la principojn«: »De nia lingvo for la trudkitelon« (nome de la logiko); kio vivas kaj




*Titolpaĝprojekto III.*

estas uzata, tio estas ĝusta. Bone, tio estas opinio tute klare esprimita. Sed mi esperas, ke la plimulto decidos: kio estas malĝuste uzata, tio neniel rajtas resti vivanta kaj fariĝi kutimo. Ĉu oni povas nomi tion »subtilkapa ambicio«? Ĉu Zamenhof, kiu ne uzis tiujn licencojn, »povis paroli nur balbute«? Mi bone scias, ke unu el la plej belaj ĉarmoj de la poezio estas ia necerta ŝvebo de l' sento, elvokata de sama ŝvebo en la esprimoj; kaj al perfektuloj en la lingvo ne malutilas, se tiu ŝvebo eĉ kondukas iom trans la limojn inter ĝusto kaj malĝusto. Sed K. estas legata de la tuta esperantista mondo, ankaŭ de neperfektuloj; kion li skribas, tion ili rigardos ĝusta kaj modela; kaj tiumaniere tiaj dubindaj formoj povas estiĝi burĝoj en la ordinara lingvo kaj difekti ĝian logikan strukturon; sed tiun mi rigardas principo nepre neŝancelenda!

El ĉio ĉi leviĝas la malnova demando: Ĉu Esperanto estas verslingvo aŭ ne? Mi opinias, ke la klasika Esperanto estas malfacile uzebla por versoj. Ankaŭ Kalocsay kaj liaj poeto-kunuloj scias tion; kaj ĉar ili havas la principon: Esperanto *devas* esti verslingvo! tial li serĉas rimedojn, for fari ĝin pli taŭga por tio. Li ĝeneraligas ritmajn licencojn*), uzas gramatike dubajn aŭ eĉ malĝustajn formojn kaj fine — pro la ĝena multsilabeco de Esperanto — li serĉas mallongajn vortojn; kaj ĉar tiaj estas maloftaj pro la konstruo de la lingvo, li enkondukas novajn (vidu poste). Estas konsiderende, ĉu la utilo kompensos la malutilon.

Trialoke sekvas Esperanta Rimaro, kompilita de Waringhien. Ĝi enhavas ĉirkaŭ 7000 vortojn kaj estas tre taŭge aranĝita.

La libron finas »Poezia Fakvortaro«, en kiu ambaŭ aŭtoroj kune kolektis »post zorga kribro« 600 vortojn netroveblajn en SAT-vortaro. Multaj el ili, estas vortoj jam sufiĉe ofte uzataj (eĉ Zamenhofaj), ekz. adaĝa, ambono, Cezaro, dekalogo, eseo, kiosko, nikso, zeloto k. m. a. Aliaj estas internaciaj vortoj, kontraŭ kies akcepto neniu protestos, ekz. altruismo, aŭtoktona, begino, libido, mestizo, pikniko ktp. Kelkaj vortoj estas prezentataj en alia formo ol la jam nun uzata, ekz. geŝo (gejŝo), ĉardaŝo (ĉardaso), hozana (hosana), koktajlo (kokteIo). Mi opinias la kreon de tiaj duoblaj formoj por la sama vorto neaprobinda; ni havas jam sufiĉe da ili. Tolereblaj estas la enkonduko de onomatopeaj vortoj kiel: hop, pum, ruk, knaki, knali, kviki, meki, trampli. Ili ja estas kvazaŭ nur literigo de sonoj.

Sed nun la restajo, laŭtakse 300 vortoj! Ili estas »neologismoj, kiuj aŭ esprimas nuancon ĝis nun konfuzatan kun alia aŭ anstataŭas kunmetitajon«. Jes — kiu iam provis verki aŭ traduki versojn, tiu scias, kiom necesaj estas por la esperanta poezio nuancoriĉaj kaj mallongaj vortoj. Do, jen abundo da ili, pli multaj ol la lingva komitato post komuna subtila pripenso allasis por la kvara aldono al U. V.! Jen kion ni nepre bezonas por la poezio: ĉuro (spermo), devanci (antaŭiĝi), fajna (4 signifoj), febla (malforta), fiki (familia esprimo por sekskuniĝi!), frida (malvarma), giri (rondiri), ĝartero (ŝtrumpligilo), kaco (familia nomo por la peniso), kurta (mallonga), lanta (malrapida), olda (maljuna), stulo (fekseĝo) ktp. ktp. — poezia fakvortaro!

Ne, sinjoroj, ĉi tie estas limo, almenaŭ por mi. Vi diras, ke la malvortoj estas erarigaj. Nu, por mi estas »maldekstra, maljuna, malofta« jam de longe same simplaj nocioj kiel estus sinistra, olda, rara; la konscio pri la deriviteco de tiuj vortoj jam longe foriĝis. Kaj pri la multaj vortoj kun »un-« en la germana lingvo, kiuj estas tute same formitaj kiel la mal-vortoj en Esperanto, neniam iu ekpensis plendi pri malfacila kompreneblo aŭ pro la danĝero de erarigo.

Vi diras, ke tiuj vortoj sin turnas nur al perfektiĝintoj. Sinjoroj, vi kaj la rondo de poetoj ĉirkaŭ Literatura Mondo verkas librojn kaj artikolojn. Vi deziras, ke oni legu ilin — kaj ili estas legataj; ĉar kiu volus nelegi ion de Kalocsay aŭ Waringhien! En tiuj verkoj vi uzas tiujn neologismojn. Ĉu vi vere kredas, ke ĉiu leganto zorge distingos ilin de la ordinara vorttrezoro? Ĉu ili ne baldaŭ eksvarmos ankaŭ en la ĝenerala lingvo, komplikos kaj malfaciligos ĝin?

Oni povus eble toleri tiun amasan invadon de neologismoj, se per ĝi la afero estus finita unufoje por ĉiam. Sed tio ne estas verŝajna; ĉar la nuancoj estas sennombraj, kaj mallongaj vortoj ankaŭ estas troveblaj ankoraŭ amase. Kaj venos la literaturistoj de la plej diversaj nacioj — kial ne? Ĉu ili ne havas la saman rajton? — kaj »pliriĉigos« la lingvon per siaj specialaj nuancoj. Kie estos la fino? Kaj kion diros pri tio ekz. niaj orientlandaj samideanoj, kiuj ne havas la avantaĝon kiel ni, nome ke almenaŭ parto de la neologismoj estas konata al ni?

Plue: la tekniko kaj scienco postulas ankaŭ siajn fakvortojn kaj nuancojn, laŭ mia opinio kun pli granda rajto ol la poetoj kaj certe kun malpli granda endanĝerigo de la ĝenerala lingvo. Ĉu do estonte ni havu tri Esperantojn anstataŭ unu?

Resume: nek la penso pri la libereco de l' poeto, nek la atestoj de Grabowski aŭ de aliaj, nek la montro al la lingva instinkto de l' publiko (?) povos trankviligi en mi la timon, ke jen danĝero minacas al nia lingvo. Se do perfekta Esperanta poezio ne estas ebla sen la priparolitaj helpiloj — nu, en nomo de Dio! ni lasu ĝin en ĝia stato, almenaŭ nun. La internacia lingvo havas ankoraŭ aliajn, pli gravajn taskojn; kaj ĉar por tiuj mi flaras endanĝerigon, mi preferus rezigni nun perfektajn versojn — kiom belaj kaj dezirindaj cetere ili estas.

La aŭtoroj jam antaŭrifuzis ankaŭ ĉiujn argumentojn kontraŭ la neologismoj per la vortoj: »Neutile estas koleriĝi kontraŭ ili, nek krude admoni ilin« (la novemulojn). Do miaj vortoj verŝajne estos vanaj kaj perdita la tempo, dum kiu mi skribis ilin. Sed la esperanta afero estas al mi tiom kara kaj tiom intime ligita kun mia vivo, ke mi devis diri mian opinion »plene kaj tute sincere«. Mi esperas, ke ĝi estos akceptata kiel parto de objektiva diskuto inter honestaj sinceraj viroj. Mia persona respekto al la du aŭtoroj kompreneble restas tute neŝanĝiĝanta same kiel la bedaŭro ke ĉi-foje mi ne povas kun ili akordiĝi. *Paul Bennemann.*

*) Sub la skemo: o-/o-/o- / o-/ o -/o troviĝas ĉe Kalocsay ekz. jenaj versoj:

L' uzo de l' artikolo apostrofa —
Tiun verson kun amfibrak-glitemo —
Zamenhof verkis per ĝermanaj skemoj —

## NE PUBLIKOTAJ MANUSKRIPTOJ

*Noveloj:* Rakontoj el la Blua Vista; Sklavino (Koralov); Latvaj noveloj: Austrino, Kazoks, Veisbergs; Hasse: Aprilo, La enigmeto, Kristnaska fabelo; Fabelo laŭ Dostojevskij; Riulet: La monto; Relgis: La artisto; L. G.: La ĝemelino; N. G.: Petro Paŭlo ĉe la bordo de Sejno; F. H.: La nuntempa rivalo; M. M.: Petolajo de la sorto; Szini: Tien; Janson: Febro.

*Poemoj:* Ovidius: La kvar epokoj; H. S.: Kruelaj manoj, Tagiĝo, Falas folioj; Aŭsano: Aŭstralio; Steen: In memoriam; P. M. B.: Estas feliĉo; Rathaus: La amo; Z. R.: Havi vin, Nokturno.

Pri la pluaj ni donos sciigon en iu venonta numero.

## NIA TITOLPAĜO DE 1933

En tiu ĉi numero oni trovos tri titolpaĝ-projektojn por la jaro 1933. Bonvolu voĉdoni per la ĉemetitaj voĉdoniloj, kiujn se oni nenion krom la voĉdono surkribas, oni povas ekspedigi kiel presaĵon. Templimo de ekspedo: 15. decembro 1932.

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Fatraso:* aĉaĵaro; *finto:* luda ruzaĵo; *kiĉo:* malkara artfuŝaĵo; *moroza:* grumb'eme malgajhumora; *tenaca:* elaste alteniĝema; *torpori* sensentiĝi (pri membroj).

